Va jaro. — No 62 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 20 Septembro 1909

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

**ABONO**

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

**Redaktejo & Administrejo :** *8, rue Bovy-Lysberg,* **GENÈVE (Svisujo).**

*Direktoro :* ***HECTOR HODLER***

**REKLAMO**

*Ĝeneralaj Agentoj :* Esperanto, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo); G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris ;* C.-A.-G. Browne, 20, Wellington St., Strand, *London W.-C. ;* Germana Esp. Librejo, Rathausstr, 52, *Leipzig.* Vidu la tarifon sur la 4a paĝo

## Parolado de Dro Zamenhof

**Ĉe la malferma kunveno de Universala Esperanto-Asocio en Barcelono.**

Estimataj membroj de U. E. A.,

Sro Mudie, via prezidanto, petis, ke mi diru ĉe via kunveno kelkajn vortojn de laŭdo aŭ mallaŭdo pri la agado de via Asocio. Ĉu mi esprimos laŭdon aŭ mallaŭdon, la respondo ne povas esti duba : post la tiel bonaj kaj gravaj raportoj, kiuj estis legitaj, post la agado, kiu en la daŭro de la lasta jaro estis plenumita de U. E. A., ne povas resti eĉ la plej malgranda dubo pri tio. ke, lasante flanke la institucioj oficialajn, U. E. A. fariĝis la plej grava institucio de nia movado kaj ĝi al nia afero alportos pli kaj pli da utileco.

Antaŭ kvin jaroj, ĉe la Bulonja Kongreso, estis prezentita projekto de ĝenerala organizajo por la tuta Esperantistaro. La Kongreso tiam ne volis tiun projekton kaj per deklaro difinis, ke estas nomata Esperantisto ĉiu persono, kiu scias kaj uzas Esperanton tute egale por kiaj celoj kaj ke nia movado ne estas oficiale ligita kun ia speciala idealo, kvankam la plej multaj el la Esperantistoj ja sentis tiun idealon kaj estis konstante gvidataj de ĝi. Sed kelkaj Esperantistoj havis la bonan ideon fari per vojo privata tion, kion oficiale fari ni ne povis. Ili kunigis ne ĉiujn Esperantistojn, sed nur tiujn personojn, kiuj akceptinte la internan ideon de Esperantismo, deziras esti unuigitaj en internacia organizajo, por reciproka sinservado kaj alproksimiĝado, ĉar ili pensas, ke ili tiamaniere pli kaj pli multigos inter si ligilojn de solidareco kaj sian celon atingos pli rapide, ol per izola agado.

U. E. A. unuigas do ne ĉiujn Esperantistojn, sed ĉiujn Esperantismanojn, t.e ĉiujn tiujn homojn, kiuj konsideras ne nur Esperanton en ĝia ekstera lingva formo, sed ankaŭ ĝian internan ideon. Ke la pli granda parto de la Esperantistaro konsentas kun tiu ĉi ideo pruvas la fakto, ke en malmulte da tempo via Asocio ricevis la plej favoran akcepton en nia movado. Oni ĉie komprenas, ke U. E. A. liveras taŭgan neŭtralan fundamenton por ĉiuj interhomaj rilatoj kaj servoj, kaj el tiu ĉi reciproka sinhelpado rezultos pli da amikeco kaj estimo inter la gentoj, kaj foriĝos la baroj, kiuj malhelpas ilian pacan interkomunikiĝon. En tiu ĉi principo kuŝas la ĉefa graveco de via Asocio.

Dum la oficiala Esperantistaro, laŭ la deklaro de Boulogne, estas devigata al plena neŭtraleco rilate al tio kaj devas sin limigi nur al pure Esperantaj demandoj, U. E. A., ĉar ĝi reprezentas nur personojn, kiuj deziras esti organizitaj por difinita celo aprobita de ili, povas fari gravan laboron, kiu havos grandan signifon rilate al la interna ideo de Esperantismo.

Mi do estas plene konvinkita pri la utileco de via Asocio kaj la Esperantisma karaktero de la laboro, kiun ĝi jam plenumis kaj ankaŭ plenumos. Mi fine sentas la devon gratuli kaj danki la sindonajn fondintojn de U. E. A., kiuj per sia obstina laboro kaj penado povis alkonduki tiun institucion, sur la bona vojo, kie ĝi nun staras. Mi de via Asocio atendas multe da bono por nia afero, kaj mi tutkore esperas, ke U. E. A. faros ĉiam pli gravajn progresojn kaj per sia rapida plifortikiĝo nin ŝovos antaŭen al la baldaŭa realigo de Esperantismo.

Dro L. L. Zamenhof.

# SOCIA VIVO

## KONGRESOJ & FESTOJ

### Centjara Jubileo en Vorarlbergio

La 30an de l'aŭgusto okazis en *Bregenz* (Aŭstrio) la 100 jara jubilea festo por memoro je la batalado en la jaro 1809. Tiun ĉi feston vizitis ankaŭ la aŭstria imperiestro kaj aliaj membroj de la imperiestra familio. Grafo Zeppelin montris al la imperiestro sian aerŝipon la 31an de aŭgusto. La imperiestro alvenis la 30an al Bregenz. Posttagmeze okazis granda procesio, kiu dividiĝas en kvar partoj.

La pleja belegaĵo estis la granda historia procesio kun 14 grupoj el la historio de Vorarlbergio. La lasta parto de tiu ĉi procesio estis grupo en diversaj historiaj kostumoj. Partoprenis 5.000 personoj. Por la fremdaj gastoj oni konstruis tribunojn. Multaj fremduloj partoprenis. La direkcioj de la fervojoj kaj ŝipoj aranĝis apartan veturadon. Vespere de la 30a aŭgusto okazis granda iluminado sur la lago kaj sur la montoj, pli belega, ol en la jaroj 1881 kaj 1884.

P. K. (Del. Graz).

## EKSPOZICIOJ

### Ekspozicio de Artaj & Metiaj lernejoj en Bukareŝto

De 14 septembro ĝis 14 oktobro, okazos en estinta jubilea ekspoziciejo Parko Karolo Ia en Bukurest'o ekspozicio de ĉiuj Artaj kaj Metiaj lernejoj en Rumanujo, superaj kaj unuagradaj. Ĉar de kelkaj jaroj oni ŝanĝis tute la direktadon kaj la instrumetodon en tiuj lernejoj, per tiu ĉi ekspozicio oni intencas elmontri la efikon de la nova direktado koncerne la taskon de tiaj lernejoj en la ŝtata kaj nacia pliprosperigo ekonomia. Laŭ antaŭaj informoj liveritaj de kompetentaj personoj oni rajtas esperi, ke tiu ĉi ekspozicio sukcesos tre multe ĉar la objektoj fabrikitaj por tiu ĉi ekspozicio estas nur elektitaj bone kaj senriproĉe laboritaj.

J. G. (Bukarest).

### Internacia foiro kaj ekspozicio por motorveturiloj, motoroj bicikledoj

Dum la unua duono de l'monato oktobro okazos en Leipzig la 12a jarekspozicio de mekaniga industrio.

Kio koncernas precipe la motorveturilojn, bicikledojn kaj akcesorajojn, la ekspozicio memorigos-kiel sola tia ekspozicio sur la kontinento dum tiu aŭtuno-rilate al la partopreno kaj vizito de interesemuloj el la tuta mondo, al la tempoj dum kiuj la produktajoj, reprezentitaj ĉi tie, troviĝis en la mezpunkto de la faka kiel ankaŭ de la ĝenerala intereso. Tiu signo estas precipe pro tio tre ĝojiganta ĉar senduba pliboniĝo de la ekonomia situacio estas antaŭvidebla. La 15an de ĉi tiu monato estos la limo de la partoprenanonco, poste — se lokoj estos ankoraŭ haveblaj la luo estos multe pli kara, al kio estas speciale atentigataj ĉiuj germanaj fervojaj administracioj permesos — kiel ĉiam antaŭe — ankaŭ en ĉi tiu jaro senkostan reekspedon de la nevenditaj ekspozobjektoj. Pluajn informojn pri la ekspozicio oni petu de la Leipziga Delegito (Bernard Kœtz, Rathausstrasse, 52).

B. K. (Del. Leipzig.)

### La Blanka urbo kaj Esperanto

Niaj legantoj eble memoras la priskribon kiun ni faris lastan jaron en tiu sama Ĵurnalo, pri la franca brita ekspozicio en en Sheperd's Bush, organizita de la tutmonde konata Sro Smre Kiralfy.

Pro antaŭa sukcesego, la Blanka urbo denove malfermiĝis de kelkaj monatoj kaj en ĝi, ĉiuj povas pasigi agablajn horojn. Amantoj de plezuro kaj sportoj, aferistoj el ĉiuj partoj de l'mondo tie renkontiĝas por sciiĝi pri la internaciaj novajoj komercaj, industriaj kaj plezuroj.

Al ĉiuj allogajoj, Sro Kiralfy aldonis ĉi tiun jaron novan distradon por la granda publiko, t. e. Esperanta festo! Dank'al la klopodoj de nia fervoraj samideanoj Sro Cedin H. White el Aŭstralio, tiu festo okazinta la 17an de Julio estis vera sukceso, por la Blanka Urbo kaj... precipe por Esperanto.

Pli ol 1,500 gesamideanoj kaj amikoj el la plej malproksimaj partoj de Granda Brituzo kaj kelkaj alilanduloj tien kunvenis propagandante la lingvon kiel eble plej multe. Estis vere interesplena vidaĵo por la indiferentuloj vidi tiom da gajaj verdsteligitoj, promenantaj tra la ĝardenoj kaj la ekspoziciaj haloj kun verdaj standtardoj.

En ĉiuj partoj de la ĝardenoj estis grandegaj kartoj kun la avizo « al la akceptejo » kaj la plej multaj el la « plezurejoj » afable invitis la « Taganojn » eniri... montrante kartegojn kun Esperantaj surskribajoj. La ĉokoladvendistoj, kun siaj ĉiamaj feliĉaj ridetoj alvokis « Esperante » la gajajn promenantojn kaj senfinaj propagandaj kunvenetoj estis organizitaj en ĉiuj partoj de la Blanka Urbo.

Angle, france, germane, itale, hispane, holande kaj en aliaj lingvoj la samideanoj klarigis al la eksponantoj la signifon de nia standardo kaj la kauzon de la gajeco de l'Esperantistoj-Esperantismo.

Je la 3a posttagmeze la festanoj kolektiĝis ĉirkaŭ la muzikaro kaj hore kantis « La Espero », kondukatan de l'regimenta muzikistaro de l' « Buffs ». Je la 4a, okazis propaganda kunveno malfermita de Kolonelo Pollen, la agema prezidanto de B. E. A.

Sro Boverton Redwood, anstataŭanta Son Smre Kiralfy, oficiale bonvenis la ĉeestantojn en la nomo de la Ekspozicia Komitato. Paroladis Esperante la alilandaj samideanoj : Sro Sergeant, Dro Quertant kaj Sro Finez el Francujo, Sro Alvarez el Hispanujo, Sro Kleineche el Germanujo kaj Sro Blaise el Belgujo, Sro Mudie kaj la organizanto de la memorinda « Esperanta Tago », Sro Cedric White ankaŭ parolis, dankante la ĉeestantojn kaj la Ekspozician Komitaton. Trafa paroladeto pri Esperantismo estis farata esperante de Sro Geddes, skota vojlaboristo kiu lernis la lingvon per la nura helpo de l'ŝlosilo « Ĉefeĉ » — nova pruvo de l'boneco kaj utileco de l'propagandiloj de nia bonfaranta samideano.

La tagaj festoj finiĝis per piroteknika spektaklo, ĉe la stadium, kie ekbrilis kiel ĉefpeco la faca portreto de nia kara majstro Dro Zamenhof.

* *

Okaze de tiu grava Esperanta okazintaĵo, la fama firmo Selfrige kaj Ko organizis esperantan ekspozicion. Dum kelkaj tagoj, miloj da personoj staris antaŭ la fenestroj de tiuj grandegaj magazenoj ekzamenante kun intereso la diversajn Esperantaĵojn, librojn, poŝtkartojn, fotografaĵojn de l'Kongresoj, k. t. p.

Kiel sekvo de tiu elmontraĵo, kurso estos organizata proksiman vintron por kelkaj el la varbitaj komizoj.

P. Blaiso (Del. London).

### La Valencia Ekspozicio. Ĝiaj allogaĵoj

Ja praktike konitaj estas la profitoj elvenantaj de la Ekspozicioj, tiuj konkursoj de la Progreso kie unumomente plene resumiĝas la tuta vivo de urbo, regiono aŭ lando, por, poste, doni al tiu sama urbo regiono aŭ nacio novajn fortojn kaj potencajn vivigilojn.

Grandega, ne mezurebla, estas la klopodo per kiu Valencio, *urbo de floroj*, reĝino de l'Beleco kaj Poezio, levigis sian mirindan Ekspozicion, elmontro de delikata arta sento, de forteco, gloro de Hispanlando, de naciuloj kaj fremdlandanoj.

Apud Turia rivero, ekstere de Valencia urbo, staras la Ekspozicio, nun granda ebenaĵo da 143.000 m2. La precipaj konstruaĵoj de ĝi entenataj, tiel vastaj kiel belaj, estas : Belarta Palaco, Granda Kazino-Kunvena Salonego, Muzika Palaco, Progresado, Industrio, Reĝaj Bienoj, Agrikulturo, Urbestraro, Infana Azilo, Deputataro, Deputa Fonto, Teatro-Cirko, Poŝtaj & Garetaraj Oficejoj, k. t. p., Plie, Pavilonoj Kioskoj, apartaj instaloj, promenoj kaj ĝardenoj, fontoj, amuzetoj, parkoj, sportoj, karejoj, restofacioj, k. t. p., k. t. p., dissemitaj tra l'Ekspozicio.

Do, la restado ĉi tie estas tre tempokupa kaj amuziga. Al tio kunhelpas la Rusa-monto, Magia-Balancilo, Rulanta-Glitino, Cinematografoj, Tobogan, Svisa-monto, *Los Urales*, Allogejo, k. c., la Kongresoj, la Konkursoj, l'artaj fajraĵoj; kaj pli ol ĉio la *Verbenoj*, t. c., gajaj noktofestoj, eksplodo de popola ĝojo tipaj en Hispanujo..., okazontaj en la Granda Areno.

Jen estas la allogaĵoj kiujn prezentas la Valencia Postkongreso !

Venu, oh, geesperantistoj !...

J. Novejarque (Del. Valencia).

## GEOGRAFIO

### Post la ekspedicio Shackleton

La Ĉefministro anoncis la 19 Aŭg., ke la Brita Registaro decidis doni 200.000 $ al la kosto de la antaŭnelonga ekspedicio komandita de leŭtenanto Shackleton, kiu preskaŭ sukcesis trafi la Sudan Poluson. La esploristo sin energie okupas por pretigi la libron eldonotan en naŭ lingvoj je 11 novembro. La volumoj enhavos 260.000 vortojn, 350 fotografaĵojn, kaj ĉiu kostos 18 $ ĉiu. Kelke da volumoj kunportos la subskribaĵojn de ekspedicianoj. La tuta kosto de la entrepreno estis 450.000 $. Kvankam la registara donaco pagos ĉiujn garantiintojn, granda sumo — krom la 60.000 $ donitaj de Aŭstralio kaj Nov.-Zelando — ankoraŭ restas trovota. La esploristo esperas forviŝi la balancon — ĝis nun pruntedonitan de amikoj — per la vendado de sia libro kaj paroladoj farotaj en diversaj kontinentaj urbegoj frue dum la proksima jaro.

T. K. H. (Pontefract).

### La reĝoj de la Maroj

Oni nun muntas en la konstruejo de Belfast ŝipegon *Olympic* por la White Star Line. Ĝia longeco estos 305 metrojn kaj rapideco 37 kil. hore; ĝi havos 60.000 tonojn. Poste la sama konstruejo starigos alian sammodelan ŝipegon *Titanic*. Kompare kun la dimensioj de tiuj du gigantoj, la aliaj ŝipoj estas modestaj. La *Lusitania* kaj *Mauritania* estas 228 metrojn longaj kaj iras je 45 kil. hore kun forto da 45.000 tonoj. *Kaiser Wilhelm II*, de Nord-Deutscher Lloyd, estas longa 206 metrojn, iras 42 kil. hore kun forto da 26.000 tonoj. *La Provence*, franca ŝipo de la transatlantika Kio estas longa 191 metrojn kaj havas forton da 21.000 tonoj.

La *Olympic* kaj *Titanic* ne estas difinitaj por granda rapideco, sed por transportado de veraj armeoj de vojaĝantoj. Ĉiu povos enteni 5.476 personojn, el kiuj 700 por servistaro, 776 en 1a klaso, 500 en 2a klaso, 3.500 en 3a klaso, kun elmigrantoj. Tiuj ŝipegoj havos ok etaĝojn alireblajn per liftoj kaj ŝtuparoj; estos entute ok ferdekoj. Duobla konko kaj multaj fakoj aŭtomate fermataj kaj direktataj de elektraj aparatoj certigas sekurecon, okaze de kolizio. La elektro servos por la lumo, hejtado, manovro de diversaj aparatoj, sonorado kaj telefonoj. La staremeco de la ŝipegoj estas certa, ĉar pro la amplekso de la Oceanaj ondegoj, 300 metra ŝipo ĉiam staros sur almenaŭ tri ondoj, anstataŭ du kiel nun kun la grandaj marŝipoj.

V. L.

### La nova Mesino
### Mortintoj de alia epoko

La maljuna Mesino jam tute mortis. La ruinoj estas forlasitaj aŭ preskaŭ. Ili perdis tiun teruran elokventan vivemon, kiu kortuŝis kvazaŭ la domoj disŝiritaj havus sian propran nedireblan kaj mutan suferadon. Sur la muregoj, la postsignoj de la familia ekzistado, frapitaj de la malbela vetero havis la lastan korbaton, ili sendis ian teruran voĉon de malĝojo, kiu nun preskaŭ tute estingiĝis. La rubaĵoj estas nun nudigataj; kaj ili fariĝis egalaj en tiu ĉi nudeco, kiel la kadavroj fariĝas, skeletiĝante, egalaj.

Ili similas al ia malnovaĵo, ili estas blankaj kaj mi dirus preskaŭ frostaj aŭ sen aĝo. Ni jam povas ilin rigardi pli trankvile. La homa vivo forlasis definitive tiujn ĉi lokojn. Ĝi preterpasis; kio hodiaŭ nomiĝas Mesino estas urbo stranga, kiu ekokupis la legomajn ĝardenojn kaj la kamparon, urbo primitiva, kiu ne similas ian alian; multkolora, dispecigita, kaj vasta, regula en la ŝajno kaj en la vivo tumulta, malorda kiel tendarkampo, pasema kiel kuliso de mirteatraĵo, monstra malhelforma.

La ligna urbo estas fantazia. Senlimaj sterniĝas la trupoj de la barakoj, identaj, simetriaj, kun sia ŝajno de ludiloj, de objektoj faritaj por moko, preparitaj por ia grandioza foiro.

El altaĵo oni ekvidas la senlimajn vicojn paralelajn de la multkoloraj tegmentoj inter la verdaĵo de la acidetaj fruktejoj, jen vicojn grizajn de zinko, jen vicojn nigrajn de gudro, jen vicojn ruĝajn de tegoloj novaj, vicojn lazurajn kaj blankajn de eternit (miksaĵo de cemento kaj de amianto). La tuta ebenaĵo sude de la maljuna urbo kaj norde estas plenega.

Laŭlonge la marbordo, ĝis la sabloj de la lumturo apud la ruinoj de la vilaĝoj, kolektiĝas longaj pecoj de novaj tegmentoj.

Malaltaj, longaj kaj egalaj, la barakoj similas al magazenoj provizoraj. Oni vivas malkaŝe sur la publika strato. La vojoj regulaj estas plenegaj je popolo, bruo, polvo, kantoj.

Oni kuiras meze la vojoj, sur fornetoj troglodítaj, escepte en malmultaj loĝejoj kiuj posedas fajrujon.

Iuj barakoj estas lakitaj per vivaj koloroj, granda kvartalo fine estas blankega.

Blanka estas ankaŭ la vilaĝo « Reĝino Elena » sur la montodeklivo. Ĝi estas granda kamparurbo; urbo malalta, kvazaŭ platigita, kiu kuŝas inter la maro verda kaj la altaĵoj flavruĝaj, sur kiuj suprenrampas la gigantaj kaktoj, muskolecaj, kaj havantaj ungegojn kiel bestoj cindrokoloraj. La ruinoj estas malproksime, vastaj, de tempo al tempo frapataj de eksplodoj de dinamito kiu ilin atakas kaj ilin skuas.

Kadavroj aperas de tempo al tempo, mumiigitaj. Oni rigardas sen teruro, oni tuŝas sen timo. Neniu ilin rekonas, neniu ilin serĉas.

Estas mortintoj de alia epoko.

J. Bazzanti (Bologna).

## JURO

### Estis prezentita leĝoprojekto pri laborhoroj en Britujo

Ĉe la ĉambro de la komunumoj estis prezentita antaŭ ne longe leĝoprojekto pri la reguligo de la laborhoroj en butikoj kaj magazenoj, Tiu projekto ne estos diskutata tiun jaron; ĝia depono celas ĝin konigi al la interesatoj kaj elvoki diskuton, kiun povos profiti la leĝofarantoj.

Laŭ tiu projekto, la komizoj ne estos dungeblaj pli ol 60 horojn semajne (t. e. 10 horojn tage) kaj oni ne povos ilin laborigi post la oka vespere pli ol trifoje semajne. Unu tagon semajne, la magazenoj fermos je la dua; tiun tagon elektos la urbestraro, laŭ la bezonoj. Kompreneble la dimanĉa fermo estas deviga.

La tempo dediĉata al la manĝoj estos duonhoro, kiam la labortago estas de 6 ĝis 8 horoj, tri kvaronoj da horo kiam la labortago estas de 8 ĝis 10 horoj, k. t. p. La laboro ne povos esti longigata je pli ol 6 horoj sen intertempo de almenaŭ 15 minutoj. Kelkaj entreprenoj estos liberaj je la devigo fermi duontagon semajne aŭ dimanĉon : trinkejoj, hoteloj, tabak-, pan-, sukeraj-, gazetvendejoj, bufedoj, biciklet-, kaj aŭtomobiltenejoj. En la Izraelidaj kvartaloj, kie oni fermas sabate, oni povos malfermi dimanĉe ĝis la dua.

En ĝenerala maniero oni povos fari suplementan laboron nur 30 tagojn jare kaj ne pli ol 2 horojn ĉiufoje. Tiu projekto estas plej ofte regularigo de la ekzistantaj leĝoj; ĝi novigas ion nur pri ripoztempo kaj manĝhoroj. Ĝi eble ricevos aliajn ŝanĝojn post publikigo.

N. B.

### En Rumanujo la ŝtato ekspluatas la kuraclokojn.

Laŭ novaj disponoj de l'rumana registaro la bankuraclokojn, kiujn antaŭe oni ekspluatis, la registaro mem, de nun, ekspluatos laŭ akcisocieta metodo. Por ĉiuj el ili oni faros akcian societon en kiu partoprenos egalrajte la registaro kaj la publiko mendonta akciojn. Se necese oni povos fari unu solan societon par 2-3 aŭ pliaj bankuraclokoj.

La unua tia societo nomita « Govora » fondiĝas nun. Ĝi rajtos ekspluati la samnoman bankuraclokon. unu el la plej famaj kaj malnovaj en Rumanujo.

La kapitalo de la societo estas fiksita je 1.200.000 $. La kondiĉoj pri la fondo de la societo estas : Rumana registaro metas je la dispono de la societo ĉiujn mineralajn fontojn, ĉiujn konstruaĵojn, instalaĵojn kaj terbienojn kiujn ĝi posedas en Govora, kiel ankaŭ ĉiujn aliajn mineralajn fontojn troveblajn de nun en distanco de 10 km. de Govora. La kapitalo de la societo devas esti kolektata nur el subskriboj de l'publiko per 6.000 akcioj pro 200 $ ĉiu.

Por ne okazigi koncentriĝon de akcioposedado oni preferos nur la subskribojn por plej multe 4 akcioj kaj se okazos subskriboj super 1.200.000 $ oni lotdividos la subskribotajn akciojn. La nomajn akciojn povas posedi nur Rumanoj.

De tiaj societoj oni esperas gravajn profitojn tiom por la ŝtataj enspezoj, kiom por la pliprosperiĝo de tiuj ĉi tre efikaj bankuraclokoj, kiel estas Govora, Călimănesti-Căciulata, Tekir-Ghiol, kompareblaj kun Vichy, Karlsbad, Aix-les-Bains kaj aliaj similaj europaj bankuroclokoj.

J. Giuglea (Del. Bukarest).

## IDEOJ & FAKTOJ

### La Okazintaĵoj en Persujo
### Ŝaho kaj Konstitucio

En rusa gazeto « Rusaj Informoj » (Russkija Vjedomosti), mi trovis sufiĉe bonan artikolon, kiu rememorigas la ĉefajn stadiojn de konstitucia movado en Persujo. Mi donas ĉi sube la tradukon de ĉi tiu artikolo.

La konstitucia movado komenciĝis en Persujo en la fino de 1905. Tiam la ŝaho Muzafer-Edin promesis doni konstitucion, sed sub diversaj pretekstoj, li prokrastis la efektivigon de tiu promeso. Fine li cedis, sed nur kiam en Teherano jam eksplodis la ribelo kaj tieaj foiroj fermiĝis. La 6an de aŭgusto 1906 en la registara gazeto Izan estis presita la dekreto pri enkonduko de la konstitucio. La persa parlamento « meĝiliso » (t. e., la domo de justeco) estis solene malfermita la 24an de septembro 1906 kaj la 18an de decembro la ŝaho subskribis ellaboritan de « meĝiliso » konstitucion. Kelke da tagoj poste la 27an de decembro Muzafer-Edin mortis kaj tronon okupis ŝaho Mohamed-Ali, kiu rilatis tre malamike al la konstitucia reĝimo por Persujo. Tamen dum la unuaj monatoj de sia regado Mohamed-Ali ne kuraĝis komenci bataladon kontraŭ « meĝiliso ». Nur en la fino de oktobro 1907 okazis la unua konflikto, kaŭzita per tio, ke la « meĝiliso » limigis la reĝan salajron ĝis 1 miliono da $, t. e., plimalgrandigis ĝin proksimume kvinone. La ŝaho minacis al « meĝiliso », sed ne havis sukceson kaj devis obei. Krom tio la 28an de oktobro 1907 li estis devigita ĵuri, ke li restos fidela al la konstitucio; tiun ĵuron li duan fojon ripetis la tagon antaŭ la 1a de januaro 1906. Intertempe la ribelado en Persujo ne ĉesis. Estis mortigita granda veziro Emir-Essultano kaj oni atencis en la komenco vivon de ŝaha favorato Emir-Bogadur-ĥano kaj en februaro 1908 la vivon de la ŝaho mem. Mohamed-Ali foriĝis sian someran restadejon kaj tie komencis sin prepari al ŝtata konspiro. La 10an de junio 1908 la ŝaho deklaris al la « meĝiliso » ultimaton pri elliverado de kelkaj plej eminentaj membroj de konstituciemaj « endjumenoj ». Kiam la « meĝiliso » absolute rifuzis ĉi tion, ĝi estis submetita al bombardado de kozaka brigado sub la komando de rusa kolonelo Ljaĥov kaj estis plene ruinigita. Samtempe estis ĉirkaŭpafita ankaŭ palaco de l' princo Zil-Es-Sultano, kiu simpatie rilatis al la liberiga movado. En sia alvoko al la popolo la ŝaho anoncis tamen, ke li volas konservi la konstitucian reĝimon kaj ke nur neceseco restarigi la ordon sekvigis ruinigon de « meĝiliso ». Li promesis difini novajn balotojn post tri monatoj. Sed baldaŭ la ŝaho elaperigis siajn verajn intencojn. En la novembro 1908 en Bagaŝahan palacon estis invititaj reprezentantoj de komercistaro, de pastraro kaj de aliaj klasoj, kiujn sub diversaj minacoj oni devigis subskribi petskribon pri forigado de la konstitucio. Sin apoginte sur tiu dokumento la ŝaho publikigis tiam sian ĉiekonatan manifeston, en kiu li deklaris, ke « ĉar » la tuta popolo petas, ke la « meĝiliso » ne estu kunvokita, li decidis ne sekvi intencon difini novajn balotojn. La manifesto kategorie anoncis, ke « en la estonteco la parlamento neniaokaze estos kunvokita ».

Post tiu manifesto en Persujo eksplodis vera interna milito. Jam post la ruinigo de « meĝiliso » en la junio 1908 en la urbo Javrizo konstitucianoj aŭ, kiel ilin oni nomas en Persujo, nacianoj kune kun sia ĉefo ĉiekonata Satar-ĥano rifuzis obei al la ŝaho ĝis kiam estos restarigita la konstitucio. Militistaro alsendita tien de l'ŝaho ne povis obeigi tiun urbon. Do kiam la ŝaho decide kaj formale rifuzis la konstitucion, ribelado aperis en aliaj partoj de l'lando kaj ĝi disvolviĝis ĝis tiu grado, ke en la fino de aprilo 1909 la ŝaho, instigata de la registaraj reprezentantoj de Britujo kaj Rusujo, denove estos devigata promesi kunvokon de la « meĝiliso », Tamen persaj

nacianaj ne konfidis jam plu la promesojn de Mòhamed-Ali, Teheranon kaj baldaŭ venke estis enirantaj ĉefurbon de Persujo. La ĉefoj de la konstitucianoj estas estro de Baĥtiara gento Serdar-Asad kaj Giljana guberniestro Sapeĥdar. La 17an de julio matene la ŝaho Mohamed-Ali detronigis sin mem kaj nun en Persujo regas la nova ŝaho neplenaĝa Valiagd-sultano-Aĥmed-Mirza.

Iks Voldiŝ.

## AERVETURADO

### Pruvo de la aerveturada progreso: La aera Kodekso

La lastan jaron, laŭ la propono de la ministroj de l'eksterlandaj aferoj kaj publikaj laboroj, la franca registaro decidis kunvoki en Parizo internacian konferencon por studi la juran reĝimon de la aerveturiloj. Tiu konferenco okazos verŝajne la proksiman jaron. La juristoj tiam povos diskuti pri aerkodekso kaj pri la grava demando de la propreco de l'aero...

Sro Julliot, jurdoktoro de la Pariza fakultato jam elmetis sian opinion pri aera propreco. Estas esenca difenco inter posedo kaj propreco. Oni rajtus ne permesi la instalon de elektraj linioj super via propraĵo, dum estas neeble malpermesi, ke ĉiu flugu super via domo, je kia ajn distanco. En la unua okazo, oni prenas ion sur la aerpropreco netuŝebla; en la dua okazo, oni cirkulas en parto nefermita, kiun iu ne ankoraŭ posedas.

Tiuj diskutoj cetere havos praktikan signifon nur post longa tempo. Tamen, atendante la policajn regulojn — ne urĝajn — kaj konsiderante la progresojn de l'aerveturado, la Franca Aero-Klubo prilaboris la jenan aerveturadan kodekson:

1º Du aviadiloj alproksimiĝantaj devas ĉiam iri dekstre kaj esti je distanco da 50 metroj unu de la alia. Ili estas liberigataj je tiuj postuloj nur se ili flugas je altitudoj distancaj je pli ol 50 metroj.

2º En konkurso, tiuj distancoj estas reduktéblaj je 25 metroj. Se estas direkteblaj balonoj, ili devos esti je distanco de almenaŭ 500 metroj, escepte se la altituda diferenco superas 150 metrojn.

3º Se du aviadiloj paralele flugantaj laŭ mala distanco renkontiĝos, ili devas ĉiu iri dekstren, je 50 metroj unu de la alia.

4º Se du aviadiloj samdirekte flugas kaj la malantaŭa volas preterpasi la unuan, la malantaŭa devas pasi dekstre je 50 metroj.

5º Se du aviadiloj sekvas kruciĝantajn vojojn, ili devas manovri tiel, ke ĉe la kruciĝo ĉiu estu je sia dekstro.

6º Ĉia aviadilo fluganta dum nokto aŭ nebula vetero devas havi verdan fajron dekstre kaj ruĝan maldekstre, plie blankan lumturon antaŭe, kies radioj estos direktataj oblikve malsupren.

Tiaj estas la novaj reguloj, kiujn ellaboris la sportistoj, kiel singardemaj pioniroj. Tiuj reguloj estis unuafoje aplikitaj dum la Aerveturada semajno en Reims. Ni esperu, ke tiuj instrukcioj estos sufiĉaj kaj ke venos kiel eble plej malfrue la policaj postuloj kaj sankcioj...

A. R.

### La Aerveturado en Stirio

La teĥnikisto, Sro Hoffman en Bruck a/Mur, Stirio, konstruis flugmaŝinon laŭ la sistemo de la « biplanoj » kaj sendis la planon al la Berlina Aerveturada Societo. Tiu societo sendis tuj 1000 $ al la teĥnikisto por la elspezoj de fabrikado. La pezo de tiu-ĉi aviadilo estos 260-285 kg. Hoffman intencas, jam meze de septembro komenci la flugprovojn. Li montris la flugmaŝinon ankaŭ dum la « *Grazer Herbstmesse* (Graz'a aŭtunfesto).

P. K. del Graz.

# TRA LA MONDO

### Sur la vojo al Gogaz tra la Brazilaj vojoj

El la brazilaj ŝtatoj la plej mistera, la plej alloganta kaj la malplej facile alirebla estas tiu de Gogaz, kiun apenaŭ trairas telegrafa fadeno, al kiu kondukas neniu fervojo, neniu navigebla linio, sed nur la antikva vojo desegnita de la unuaj aventuristoj, serĉantaj la fabelajn minejojn de oro kaj gemoj.

La fervojo iras ĝis la urbeto Avaguary, en la ŝtato Minas-Geraes, kaj de tie al la ĉefurbo Gayar estas pli ol 80 mejloj brazilaj, t. c. 80 km. Tiun longan distancon trairas nur karavanoj de muloj kaj la malrapidaj ĉaroj tirataj de 10 ĝis 12 paroj de bovoj. Vojaĝantoj riĉaj iras ĉevale, akompanataj de muloj portantaj la valizaron; vojaĝantoj malriĉaj, kiel mi kaj mia kamarado, vojaĝas piede, kaj tiel pli bone povas observi la vojon.

Tiu vorto *vojo* ne devas kaŭzi iluzion. Vojo brazila nenion komunan havas kun eŭropa vojo se ne, ofte, kun la vojetoj mulaj de Alpoj kaj Pireneoj. Nenia arta laboro, eĉ ne unu bato de pikilo: Nur la piedoj de la bestoj kaj la radoj de la ĉaroj ĝin kreis. Nenia intenco teknika en la desegno de la linio: nur kiam la obstaklo estas netransirebla la vojo fleksiĝas iomete de la direkto NNW, precize tiu de l'magneta montrilo.

Tra la platalt̂ajoj, la stato estas larĝa pasejo kie sin interplektas en la bruna polvo la signoj zigzagaj de la radoj kaj de la piedoj de la muloj. En la subirejoj, ĝi fariĝas pli mallarĝa: la grandaj radoj feritaj de la ĉaroj entranĉas en la tero ĉokoladkolora du profundajn kavaĵojn kiuj dum tri paŝcentoj ĉiam pli grandiĝas. La vojo estas tiam mallarĝa gorĝo, je la sama dimensio kiel la ĉaro, profunda de unu, du metroj aŭ pli, kie ĉio pasas, muloj. ĉevaloj, bovoj, ĉaregoj kaj piedirantoj. Iam kaj iam disvojo aperas; ĝi kondukas al nenia loko, sed revenas iom poste al la strato ĉefa. De malproksime oni aŭdas la stridon akran de l'akso de venanta ĉarego: *la kanton*, kiel diras la ĉaristoj. Antaŭe iras knabeto kun longa bastono, la bovoj sekvas, ligitaj po du al la peza jungaĵo kiu ricevas ilian dudekopan forton. Malrapide ĝi iras, trenante pli ol du tunoj metrikaj, kiam ĝi iras, ŝarĝata de salo, la grava komercaĵo de l'internlandoj. Malrapide, sed certe. Nenio rezistas al ilia fortega tirado, kaj la rokoj rompiĝas sub la feraj dentoj de l'radegoj unupecaj.

La riverojn malgrandajn oni pasas, kiel oni povas. La grandajn oni pasas per speco da pramoj, faritaj el tri kanotoj kunligataj de ligna ferdeko.

La tutaĵo estas tro malforta por elporti grandajn ŝarĝojn: tial oni devas malŝarĝigi la ĉarojn kaj eĉ la mulojn, kun komprenebla perdo de tempo. Tial, piede oni iras preskaŭ diom rapide, kiom la karavanoj.

Je ĉiu 3a aŭ 4a mejlo, oni trovas dormejon: *rancho*. Tio konsistas el 4 aŭ 6 fostoj subportantaj tegmenton el herbo *sapê* (anatherum bicorne). Nenio pli: oni devas pendigi la hamakojn je la fostoj kaj dormi kiel oni povas, jen frostigata de l'nokta vento, jen peklata de l'fajra fumo. Sed oni dormas, ĉar laca. Tere estas neeble resti, ĉar estas multaj parasitoj. la *carrapato* (ixion) kiu pikas sian bekon en la haŭto, kiu tuj ŝveliĝas ĝis ŝajni buleton aŭ verukon. Por ĝin eltiri, oni devas, zorge ne lasi la bekon en la vundeto, ĉar ĝi formus ulcereton. Multe pli malagrabla estas la *bixo* (pulex penetrans) bonege priskribita de ĉiuj vojaĝantoj. Sed oni facile sin defendas de ĝi, metante iom da petrolo en la ŝuoj.

Pano estas netrovebla, eĉ en la centroj: ĝin anstataŭas faruno de maizo blanka kaj de manioko. Viando freŝa estas ankaŭ malofta: oni manĝas preskaŭ nur viandon sekan aŭ porkaĵon. Sed kokino kostas nur 30 Sd, ovoj 15 Sd, lakto 6 Sd litro (plej ofte senpaga kiam abundas); Oranĝoj estas multegaj post junio, sed preskaŭ nenia alia frukto estas trovebla.

La tuta regiono Caldas estas riĉa je termalaj fontoj malmulte mineralozaj, sed puregaj kaj tre oportunaj por haŭtaj kuracoj kaj reŭmatismoj. La montoj konsistas el huronianaj formaĵoj: kvarkaj orozaj ardezoj, k. c. Apude ekzistas notindaj postsignoj de antikvaj loboroj (*lavras*) kiujn la loka tradicio supozas orminejoj, sed de multa tempo neniu sin okupas pri ili.

La tuta regiono estas malriĉa. Preskaŭ ĉiuj loĝantoj sin okupas per brutedukado, sed sen rezultato, ĉar la rasoj estas malbonaj, ofte miksitaj de *zebu*. Agrikulturo estas malmulta; ĝi produktas iom da manioko kaj multe da rizo, sed pro manko de facilaj komunikiloj, ofte okazas ke oni ne trovas aĉetanton je 2 $ por hektolitro! Tamen tiu rizo estas sufiĉe bona, sed mankas kapitaloj, kaj laboremo.

Resume: impreso iluziiga, malgaja kaj tre diversa de l'atendita. Eble pli al Nordo ni trovos la klasikan Brazilladon, tiu de l'virga arbejo, de l'sovaĝaj bestoj, de l'indiĝenaj triboj pri skribataj de l'vojaĝantoj... aŭ eble tio jam ne ekzistas?... aŭ eble neniam?...

P. B.

## Esperantiaj Informoj

Porto-Alegre (Brazilujo). — Nia Del. Sro M. Furtado, fervore prilaboras sian lokon por U. E. A. Li enpresigis detalan artikolon en la ĉefa gazeto kaj dissendis specialan cirkuleron portugale redaktitan por atentigi pri U. E. A.

Sydney (Aŭstralio). — Nia Asocio penetras senhalte en ĉiujn urbojn de l'terglobo. Tuj post sia elekto la nova Subdel. varbis jam pli ol 20 membroj. Ĉiujn servoj estos baldaŭ organizataj kaj prepariĝas fervora agado por U. E. A.

Valencia (Hispanujo). — U. E. A. posedas jam pli ol 30 membroj en tiu grava urbo, dank'al la diligenta klopodado de Sro Novejargue, nia Del. Okaze de la ekspozicio priparolita en alia loko de la lasta No, la Valencia grupo Esp. instalis Esperantan fakon en belega salono; ĝi tre altiras la atenton de la vizitantoj.

Moskvo (Rusujo). — Sub la titolo « Ruslanda filio de la jurnalo Eksport-Esperantis » aperis dupaĝa broŝureto, en kiu Sro A. Prager anoncas sin kiel Del de U. E. A. Por restarigi la veron, ni komunikas, ke Sro Prager ne estas reprezentanto de U. E. A. kaj lia agado havas nenion komunan kun nia asocio.

## Esperantia Parolejo

### Avizo por korespondantoj

La aŭstria poŝtdirekcio decidis kaj publikigis jenon:

Ne plu estas permesita alglui sur poŝtkartoj, skribitaj al kaj en Aŭstrio, diversajn markojn (Bonfarantajn, propagandajn k. t. p.) sur la dekstra parto de la adresflanko. Sur tiu-ĉi parto *nur* devas esti algluita la *poŝtmarko*. Aliajn markojn oni nur devas alglui sur la *koresponda flanko* aŭ sur la maldekstra parto de la adresflanko. Kontraŭe, la ricevonto de karto devas gagi punmonon. La delegitoj volu sciigi tion al la korespondantoj.

K. Geier, (Del Graz).

### La Propagando de Esperanto

Kun granda plezuro mi legis la interesan artikolon de nia kara kunlaboranto G. Warnier en la lasta numero de « Esperanto » mi akordiĝas kun li pri la neceseco de intensa propagando kaj akceptas liajn kvin konkludojn. Nu, laŭ mia opinio, estas alia propaganda rimedo kiu ĝis nun estis tre malofte kaj eĉ tute ne uzita en multaj landoj.

Jen do kion mi konsideras kiel la plej bonan propagandon ĉiam kaj ĉie, la esperantistoj devas porti la verdan stelon, kaj paroli Esperanton.

Dum la lastaj monatoj, kelkaj fervoregaj esperantistoj, ĉiuj gejunuloj, decidis ĉeesti kiel eble plej multe da specialistaj kunvenoj kaj kongresoj okazintaj en Londono. Ili vizitis teozofiajn, etikajn, laboristajn, feministajn, laboristajn, sciencistajn, vegetaranajn, kontraŭ-vivisekciajn, kaj aliajn societojn; partoprenis ĉiujn diskutojn ne forgesinte diri kelkajn vortojn pri la neceseco por ĉiuj specialistoj alpreni Esperanton kiel helplingvon. Eĉ ne unu solan fojon, la organizintoj de la kunvenoj aŭ de la kongresoj malpermesis la gefervorulojn esprimi sian ideon. Kontraŭe post iliaj klarigoj, ĉe ĉiuj suprenomitaj societoj la estroj permesis disdoni propagandajn foliojn kaj la ŝlosilojn de « Ĉefeĉ ».

Kelkaj el tiuj societoj eĉ estis tiel interesitaj pri la argumentoj de niaj amikoj ke ili decidis organizi Esperantajn kursojn proksiman jaron en siaj diversaj sekcioj.

Nun, se ĉiuj gesamideanoj, eĉ la plej fervoroj ne havas sufiĉan tempon aŭ la okazon partopreni tiajn kunŝidojn, kio malhelpas ilin propagandi nian karan lingvon en aliaj publikaj lokoj?

Kiamaniere tion fari, ne timante la mokojn, oni eble demandos?

Jen la respondo.

Kiam, post kunvenoj, Esperantistoj revenas hejmen, kvar-kvin aŭ sesope, ili parolu nur esperante! Tial ke niaj amikoj ĉiam estas puranimaj kaj feliĉaj, iliaj interparoladoj en nekonata lingvo kaj gajaj ridoj baldaŭ interesos la kunestantojn, ĉu en omnibuso, fervojo aŭ aliaj lokoj. Ĉiuj kiam ili rimarkas ke la aŭdantaro atentas ilin, estas ilia nepra devo-kiel veraj esperantistoj kaj propagandistoj — disdoni propagandajn foliojn, kaj eĉ doni kelkajn klarigojn pri la lingvo.

Tre malofte — mi ĝin povas certigi, pro mia propra sperto — oni rifuzos akcepti kaj legi la folieton.

Nuntempe en Londono organiziĝas aro de tiaj propagandistoj, dank'al kiuj post mallonga tempo Esperanto estos konata de ĉiuj. Ke la delegitoj de U. E. A., ĉiuj fervoregaj en ĉiuj rilatoj prenu sur sin organizi tiajn arojn de varbistoj en sia urbo kaj post nelonge niaj rangoj de pacaj batalantoj pli ol dekobliĝos, kaj ili estos multe farintaj por la homaro.

Paul Blaise (Londono).

## Unua Esperantista Kongreso en Rumanujo

Dum 1-3a de Aŭgusto 1909 okazis en Bukureŝto « Unua Kongreso Esperantista » kun partoprenado de Bulgaraj, Serbaj Es-isto kaj de Sro Evstiféieff, la malnova esperantisto.

Tiu ĉi unua kongreso organizita en nia lando, kiu nur de 2 jaroj apenaŭ eniris esp. movadon, havis por ni neesperitan sukceson. Ne nur la sukceso estis pro la multenombra partopreno de esperantistoj, sed pro la influo kaj ĝia efiko kiujn havis en nia lando, en rumana gazetaro kaj en nia rumana esperantistaro.

Personoj kiuj ĝis nun estis kontraŭ ni, vidante nin interkompreniĝantajn rumanoj, serboj, bulgaroj, ne plu estis kontraŭ Esperanto vivanta lingvo: la fakto reala ilin konvinkis. El tiuj personoj kelkaj eĉ momenton nin ne forlasis kaj sekvis ĉien, en kongresaj kunsidoj, en ekskursoj, en vizitoj ili enamiĝis de nia alta, homara celo.

La kongresaj festoj komencis la 31an de Julio, kiam 120 Bulgaroj kaj Serboj estis alkondukitaj de mi en Bukureŝt'o. Dum nia vojaĝo de Rusĉuk (Bulgarujo) ĝis Bukureŝt'o, en vaporŝipo, en vagonaro nur verdaj flagoj vidiĝis kaj esperanta parolado. Oni jam sciis ke ni alvenaŝ kaj ĉiu kuris vidi nin. La propagando farita dum tiu vojaĝo estas granda kaj pli bone efikis ol ĉiaj ajn propagandaj paroladoj, ĉar tiam ne parolis homo, sed parolis la faktoj mem kaj ilin oni ne povas rifuti.

En stacidomo Bukureŝt'o, ĉiuj alvenintaj kongresanoj, kune kun la Bukureŝtaj espistoj kun milita muziko akceptis nin la alvenintojn. Kia kortuŝanta momento estis nia interrenkontiĝo! Unue ne eĉ vorto, sed tuj sekvis eksplodoj vivu Esperanto! Vivu Bulgaraj esperantistoj, Serbaj, ktp.! La kriojn ne ĉesis ĝis milita muziko komencis ludi « La Espero » de Menil aranĝita de Sro Rap. Gaudin, estis io ne atendita tiu ĉi muzikaĵo. Sekvis poste kelkaj salutaj paroladetoj faritaj de Rumanoj, Serboj kaj Bulgaroj.

De la stacidomo, kun muziko, ni trapasis malrapide la ĉefajn stratojn de l'Bukureŝt'o ĝis salono « Liedertafel », plej bela el nia urbo, kie estis la akceptejoj Sekvis poste manĝeto en nia kunvenejo « Bd. Academici, 4 » kaj malfrue je la 2a nokte nin direktis hejmen. La kongresanoj kiuj venis el aliaj landoj kaj urboj estis enloĝigitaj en la lernejo de infanteriaj oficiroj afable metita al nia dispono de milita ministrejo.

La 1 Aŭg., ĉiuj kunvenis en la kongresejo, bele ornamita. Malfermiĝis la kongreso per saluto de la kongresanoj de Dro G. Rolin, prez. de R. E. S. Sekvis poste elekto de l'kongresa estroro konsistanta el S-roj M. Timus, por Rumanoj, Sro Pro Andonoviĉ por Serbujo, leŭt. Silvestriev por Bulgarujo kaj Sro Evstiféieff, por Rusujo. Ativan prezidanton oni elektis Dron G. Robin.

S-roj Timus, Mateescu, Sino Timus, faris propagandajn paroladojn. S-roj leŭt Silvestriev, Pro Andonoviĉ, Evstiféieff salutis la rumanajn esperantistojn; Silvestriev diras, ke per esperanto li ne plu estas bulgaro sed filo de l'homaro; Pro Andonoviĉ aludas pri Esperanto kaj naciaj lingvoj kaj invitas partopreni estontan kongreson de la danubaj landoj en Belgrado dum 1910.

Vespere okazis granda vesperfesto en la honoro de Bulgaraj kaj Serbaj esp-istoj en la salonoj de « Liedertafel ». Oni kantis, oni ludis, dancis. « La Espero », de Menil, « Vaugfrapo », de A. Dreyfus, « Senhejmulo », kaj « Pipamanto », de Pujula, « Unu horo de Esperanto »; ĉiuj ĝojigis la ĉeestantojn.

La duan tagon okazis laboraj kunsidoj en kiuj oni prenis rezoluciojn: propono de Serba Esp. Societo pri verkado de Esperante-Esperanta vortaro, rezoluzio, sendita al la L. Komitato; propono de Rumana Esp. Societo: starigo de Ligo de la apuddanubaj landoj, oni elektis provizoran komitaton el S-roj Dro G. Rolin, leŭt. Silvestriev kaj Pro Andonoviĉ por studi la programon; propono de blinduloj el « Vatra Luminoasa » por intermeto apud blindulejoj por instrui Esperanto al la blinduloj; propono de Sro J. Davidov (Bulgarujo) por fondigo de Ligo de esperantistaj komercistoj el Balkana duoninsulo; propono de Sro Kanĉev (Bulgarujo): ke naciaj societoj rumana, serba, bulgara, prezentu dokumentitajn petojn, por instruado de Esperanto en fakaj lernejoj, al iliaj ministrejoj naciaj. La trian tagon, okazis ekskurso al Sinaja, reĝa somerrestejo. kie ni estis akceptitaj en sia kastelo de ŝia Moŝto la Reĝina Elisabeto, kiu kun tre afabla kaj bona koro kuraĝigis nin. Ŝi parolis kun ĉiuj prezentitaj personoj kaj promesis, ke ĉe *nova renkontiĝo en venonta jaro ŝi nin alparolos en nia kara Esperanto*, tiucele ŝi petis ke oni havigu al ŝi esperanten tradukitan Biblion kaj aliajn religiajn librojn.

Ĉe la alveno ŝi demandis, kie estas la ceteraj, ĉar ŝi rimarkis ke ili estis pli multaj; ĉe respondo ke oni restis ekstere, ŝi malsupreniris kaj venis apud la ekstere restantaj esperantistoj. Ĉe l'disiĝo ŝi diris esperante « Ĝis la revido ». Ankaŭ dum interparolado ŝi repetis « mi dankas ».

Tiu ĉi ekskurso priparolita de jurnaloj ĉiutagaj faris bruon kaj alportis al ni helpon ĉar oni vidis ke el altaj sferoj oni nin kuraĝigas. La kontento de ĉiuj estis tiom granda, ke kvankam ĉiuj intencis foriri Mârdon tamen ĉiuj restis ĝis Jaŭdo.

Nia kongreso havis belan sukceson kaj ni ĝin ŝuldas multe kaj efektive tute nur al partopreno de bulgaroj kaj serboj; vere ĉar se ni estus nur rumanoj ĉu ne estus iom ridinde ke homoj de sama nacio interparolas alian lingvon? La vera plej efika pruvo de la taŭgeco de Esperanto estas nur kongresoj internaciaj, ne nur ĝeneralaj tutmondaj ĉar estas malfacile organizi tian sed ankaŭ kongresoj inter apudaj landoj, partoprenitaj de 2-3 landoj; ili estas pli facile organizeblaj kaj tre efikaj. Nur tiu kiu partoprenis kongreson internacian povas scii kaj prezenti al si la influon de l'kongresa forto. Aliaj kaŭzoj kiuj multe helpis, ke ni povas bone organizi kongreson estis la helpo donita al ni de Fervoja Direktejo kiu donis al ni rabaton da 50 0/0 por ĉiu kongresano dum 7 tagoj; ja Ministrejo por internaj aferoj kiuj dum sama templimo permesis transpasi la laudlimon sen pasporto; la Milita Ministrejo kiu donis al ni la dormejojn de la milita lernejo por infanteria oficiroj kaj kies direktoro kolonelo Dragalina estas nia amiko, esperantema persono, kiel estas Sro Panaitescu, la direktoro de la ŝtata sekreta policistaro per kiu ni ricevis nensigon de lpasporto. Cetere li promesis ke dum venonta vintro lingvo Esperanto estos lernigata al ĉiu el siaj subuloj devige.

Post la kongreso restis al ni nur la revado pri ĝiaj tiom rapide flugintaj tagoj kaj laboro plenumota, kiun al ni lasis la instruoj de l'kongreso kaj ĝiaj decidoj.

D. Giŭglea (Del. Bukureŝto).

---

FELIETONO DE « ESPERANTO »

13

# RAKONTO
PRI
# SEP PENDIGITOJ

De Leonid ANDREJEV

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

### IX. Terura soleco

Al neniu, eĉ al plej intimaj kamaradoj, li diris, pri sia « ĝojo de ĉiuj suferantoj » kaj eĉ li mem kvazaŭ ne sciis pri ĝi — tie profunde ĝi kaŝiĝis en lia animo. Kaj li ne ofte rememoris ĝin, kun singardo.

Kaj nun, kiam teruro, de la nesolvebla mistero, aperinta antaŭ la okuloj, kovris lin superkape, kiel la superakvo kovras ĉebordan branĉeton, li ekdeziris preĝi. Li volis genufleksi, sed li estis hontanta je l'soldato kaj, kunmetinte la manojn sur la brusto, li mallaŭte ekmurmuris:

— La ĝojo de ĉiuj suferantoj!

Kaj li rpietis kun sopiro, elparolante kortuŝe:

— La ĝojo de ĉiuj suferantoj, venu al mi, vigligu Vaĉjon Kaŝirin.

Jam delonge, kiam li estis studento de l'unua kurso kaj ankoraŭ diboĉetis, antaŭ la konatiĝo kun Verner, kaj partianiĝo, li fanfarone kaj mizere nomis sin « Vaĉjo Kaŝirin »; — nun li ial ekdeziris sin nomi tiel same. Sed la vortoj sonis malvive kaj sen resono.

— La ĝojo de ĉiuj suferantoj!

Io ekŝanceliĝis. Ŝajnis, ke trafluis en malproksimeco ies kvieta kaj malĝoja figuraĵo kaj estingiĝis malrapide, ne lumiginte la antaŭmortan mallumon. La streĉita horloĝo sonoris en la sonorilejo. En la koridoro la soldato ekfrapis per io, ĉu per glavo aŭ pafilo, kaj daŭre diverstone oscedis.

— La ĝojo de ĉiuj superantoj! Kaj vi silentas? Vi volas nenion diri al Vaĉjo Kaŝirin?

Li ridetis peteme kaj atendis. Sed estis malplene ĉirkaŭe kaj en la animo ankaŭ. Kaj la kvieta, malĝoja figuraĵo ne reaperis. Senbezone kaj suferige rememoras li la brulantajn vaksajn kandelojn, la pastron en pastrovesto, la pentritan figuraĵon sur la muro, li rememoras ankaŭ, kiel la patro, fleksiĝante kaj rektiĝante preĝas, genufleksas kaj samtempe rigardas elsubfrunte, ĉu Vaĉjo preĝas, ĉu li ne estas petolonta. Kaj fariĝis eĉ pli timige, ol antaŭ la preĝo.

Ĉio malaperis.

La frenezo turmentige alrampadis. La konscio estingiĝadis, kiel disjetita estingiĝanta lignaro; ĝi malvarmiĝadis, kiel kadavro de ĵus mortinta homo, en kies koro estas ankoraŭ varmo, sed la manoj kaj piedoj jam rigidiĝis. Ankoraŭ unu fojon sange eklumiĝinta, lia estingiĝanta penso klarigis, ke li, Vasilij Kaŝirin tie ĉi povas freneziĝi, elprovi tiajn suferojn, por kiuj ne ekzistas nomo, atingi tian limon de doloroj kaj suferoj, kiun atingis ĝis nun nenia viva estaĵo, ke li povas frapegi la muron per la kapo, trapiki al si la okulojn per la fingroj, paroli kaj krii, kion li volas, certigi per larmoj, ke li ne povas elporti plu — kaj nenio. Estos nenio.

Kaj la nenio venis. La piedoj, kiuj havas sian konscion kaj sian vivon, daŭris iradi kaj porti la tremantan malsekan korpon; la manoj, kiuj havas sian konscion, vane provis kunigi la, disigitan ĉe la brusto, mantelon kaj varmigi la tremantan, malsekan korpon. La korpo tremis kaj frostiĝis. La okuloj rigardis. Eĉ tio ĉi preskaŭ estis kvieto.

Sed estis ankoraŭ unu momento de sovaĝa teruro. Ĝi estis, kiam eniris homoj. Li eĉ ne ekpensis, ke tio signifas — tempo por veturi al ekzekuto, kaj simple, ekvidinte la homojn, li ektimis preskaŭ kiel infano.

— Mi ne plu!... mi ne plu!... — murmuris li senvoĉe per mortiĝintaj lipoj kaj mallaŭte moviĝis profunden de l'ĉelo, kiel en la infaneco, kiam la patro levis la manon.

— Oni devas veturi.

Oni parolas, iradas ĉirkaŭe, donas ion. Li fermis la okulojn, ekŝanceliĝis — kaj malfacile komencis sin prepari. Kredeble la konscio estis revenonta: subite li petis ĉe la oficisto cigaredon. Kaj tiu afable malfermis la arĝentan, kun dekadenca pentraĵo, cigarujon.

### X. La muroj falas

La nekonato, alnome Verner, estis homo laca de la vivo kaj batalado. Estis tempo, kiam li tre forte amis la vivon, ĝuis teatron, literaturon, komunikiĝon kun la homoj; naturdonita per bonega memoro kaj forta volo, li ellernis perfekte kelkajn eŭropajn lingvojn kaj facile povis prezenti sin, kiel germano, franco aŭ anglo, li kutimis paroli kun Bavara akcento, sed laŭdezire povis paroli, kiel vere naskita Berlinano. Li amis sin vesti laŭmode, posedis bonegajn manierojn kaj nur li sola, el lia tuta kolegaro, povis aperi en mondumaj baloj, sen risko esti ekkonita.

Sed jam delonge en lia animo maturiĝis, nevidate de la kamaradoj, malluma malestimo je l'homoj, ankaŭ malespero kaj malfacila, preskaŭ morta laciĝo. Laŭ naturo pli matematikisto, ol poeto, li ĝis nun sentis nenian inspiron kaj ekstazon, kaj estis minutoj, kiam li sin sentis, kiel frenezulo, kiu en homsangaj marĉaĵoj serĉas kvadraturon de cirklo. Tiu malamiko, kun kiu li ĉiutage batalis ne povis inspiri estimon al si, ĉar ĝi estis nur densa reto el malsaĝoj, perfidoj, mensogoj, malpuraj elkraĉaĵoj kaj abomenaj trompoj. La lasta, kiu por ĉiam, ŝajne, mortigis lian deziron vivi — estis la mortigo de provokatoro, plenumita de li laŭ ordono de la organizacio. Li mortigis trankvile, sed, kiam li ekvidis tiun ĉi mortan, mensogan, nun trankvilan tamen mizeran homan vizaĝon — li subite ĉesis estimi sin kaj sian aferon. Li ne eksentis penton, sed simple subite ĉesis sin estimi, fariĝis indiferenta, neinteresa, enue fremda por si mem. Sed, kiel homo kun tuteca, nedividebla volo, li ne forlasis la organizacion kaj ekstere restis la sama — nur la okulojn eniĝis io malvarma kaj timiga. Li nenion diris al iu.

Li ankaŭ posedis ankoraŭ unu raran kapablon: li ne sciis kio estas timo, kiel ekzistas homoj, kiuj neniam suferas kapdoloron. Kaj kiam la aliaj timis, li ne juĝis ilin, sed ankaŭ ne kunsentis, kiel sufiĉe oftan malsanon, kiun li mem tamen neniam suferis. Li bedaŭris siajn kamaradojn, aparte Vaĉjon Kaŝirin; sed tio estis malvarma, preskaŭ oficiala bedaŭro, kian, verŝajne, sentis ankaŭ iuj el juĝistoj.

Verner komprenis, ke la ekzekuto ne estas simple morto, sed io alia, — sed ĉiuokaze li decidis renkonti ĝin trankvile, kiel ion flankan: ĝis la fino vivi tiel, kvazaŭ nenio okazis kaj nenio okazos. Nur per tio li povis esprimi la plej profundan malestimon al ekzekuto kaj konservi la lastan neforigeblan spiritan liberecon. Kaj dum la juĝo — tion verŝajne ne kredus eĉ la kamaradoj, kiuj bone konis lian malvarman sentimemon kaj fieremecon — li enpenseme, kun plej profunda kaj trankvila atento, ludis malfacilan ŝakan partion. Perfekta ŝakludisto, li de l'unua malliberejo tago komencis tiun ĉi partion kaj daŭris ĝin seninterrompe. Eĉ la verdikto, destininta lin al ekzekuto per pendigo, ne forŝovis eĉ unu pecon sur la nevidata ŝaktabulo. Ne haltigis lin eĉ tio, ke verŝajne li ne sukcesos fini la partion, kaj la matenon de sia lasta tago, restinta por li sur la tero, li komencis per tio, ke li malerarigis unu hieraŭan ne tre prosperan ŝakmovon.

Kunpreminte la mallevitajn manojn inter la genuoj, li longe sidis senmova: poste leviĝis, komencis iradi meditante. Lia irmaniero estis aparta: li iom klinis la supran parton de la torso antaŭen kaj forte akre frapadis la teron per la kalkanumoj — eĉ en la seka tero liaj paŝoj lasis profundan, rimarkeblan postsignon. Mallaŭte per sola spirado li fajfis simplan italan arieton — tio helpis pensi.

Sed tiun ĉi fojon la afero ial marŝis malbone kun malagrabla sento, ke li faris ian gravan, eĉ mallertegan eraron, li kelkfoje rekomencis kaj ekzamenis la ŝakludon preskaŭ de l'komenco. Eraron li ne trovis, tamen la sento de farita eraro ne sole malaperis, sed fariĝis ĉiam pli forta kaj pli ĉagreniga. Kaj subite aperis neatendita kaj ofenda penso: ĉu la eraro ne estas tio, ke per la ŝakludo li deziras flankigi sian atenton de la ekzekuto kaj sin defendi kontraŭ tiu timo al la morto, kiu eble estas neevitebla por la ekzekutoto?

— Ne, do por kio! — respondis li malvarme kaj trankvile fermis la ŝaktabulon. Kaj kun la sama intensa atenteco, kiel li ŝakludis, li, kvazaŭ je l'severa ekzameno, penis prijuĝi sian teruran kaj seneliran situacion: pririgardinte la ĉelon, penante nenion malatenti, li kalkulis la horojn restintajn ĝis la ekzekuto, imagis preskaŭ sufiĉe precizan vidon de l'ekzekuto mem kaj ekmovis la ŝultrojn.

— Nu? Jen estas ĉio. Kie do estas la timo? — respondis li al iu duondemande.

Timo vere malestis. Ne sole malestis timo, sed estis aperanta io kontraŭa — neklara sento de grandega kaj kuraĝa ĝojo. Kaj la nekovrita ankoraŭ eraro jam ne incitis, sed ankaŭ sentigis ion bonan, neatenditan, kvazaŭ lia proksima kara amiko, kiun li kredis jam mortinta, subite aperis viva, sana kaj ridanta.

Verner denove ekmovis la ŝultrojn kaj ekzamenis sian pulson: La korbatoj estis iom oftaj, sed fortikaj kaj regulaj kun aparta sonanta forto. Li ankoraŭ, kiel novulo unuafoje trafinta en malliberejon, atente ĉirkaŭrigardis la murojn, riglojn, ŝraŭbitan al la planko seĝon kaj pensis:

— Kial mi sentas min tiel facile, ĝoje kaj libere? Ĝuste libere? Mi ekpensas pri morgaŭa ekzekuto — kaj ĝi kvazaŭ ne ekzistas. Ekrigardas la murojn — kvazaŭ ankaŭ la muroj ne ekzistas. Kaj estas tiel libere, kvazaŭ mi ne estas en malliberejo, sed ĵus eliris el malliberejo, kie mi estis enfermita dum la tuta vivo. Kio do ĝi estas?

La manoj komencis tremi — aperaĵo nevidita de Verner. La penso fariĝis ĉiam pli furioza. Kvazaŭ fajraj langoj ekbruliĝis en la kapo — la fajro deziris trapenetri eksteren kaj larĝe lumigi la ankoraŭ noktan, ankoraŭ malluman malproksimaĵon. Kaj jen ĝi trapenetris eksteren kaj larĝe ekbrilis la lumigita malproksimaĵo.

La malklara laceco, tedinta Verneron dum du lastaj jaroj malaperis, kaj defalis el koro la morta, malvarma, peza serpento kun fermitaj okuloj kaj mortige fermita buŝo — antaŭ la figuraĵo de l'morto, ludante revenis la belega juneco. Kun tiu mirinda spirita ekheliĝo, per kiu en malofta minutoj estas benata la homo, levante lin en plej altajn sferojn de suprenrigardo, Verner subite ekvidis la vivon kaj la morton, kaj li estis frapita de belega nevidita aperaĵo. Li kvazaŭ paŝis sur mallarĝa, kiel tranĉrando de l'glavo, montaro kaj sur unu flanko vidis la vivon kaj sur la alia flanko la morton, kiel du brilaj, profundaj, belegaj maroj, kunfluantaj ĉe la horizonto en unu senlima larĝega vastaĵo.

— Kio ĝi estas? Kia dia vidaĵo! — diris li malrapide. senkonscie leviĝinte kaj rektiĝinte, kiel en la ĉeesto de plej alta estaĵo. Kaj forigante la murojn, la spacon kaj la tempon per la akreco de ĉion penetranta ekrigardo, li larĝe enrigardis ien profunden la forlasotan vivon.

Trad. Dro J. Ostrovsky.

*(Daŭrigota.)*

# LA KVINA KONGRESO EN BARCELONO

*La Karavanoj. — La Kunvenoj. — La Festoj. — Sukceso de la Kunvenoj de U. E. A. La Rezultatoj. — La Sesa.*

**Niaj Karavanoj al la Kongresurbo**

Tre bone sukcesis la diversaj Karavanoj, kiujn en la nomo de nia Asocio aranĝis kelkaj amikoj.

Unu gvidata de S-roj Kandt kaj Marx trapasis Bromberg, Berlin, Erfurt, Weimar, Gotha, Frankfurt, k. t. p. La samideanoj kun stardardoj kaj floroj venis al la stacidomo.

En Weimar sesjara knabineto, filino de universitata profesoro Hippel ekparolis ĉarman versajon. En Frankfurt estis uzita la aerveturada ekspozicio kaj tiun cirkonstancon profitis nia komitatano Kandt por fari paroladon pri Esperanto kaj U. E. A. En Lausanne akompanis la vojaĝantojn S-ro Andreassian, Del. Dankal lia fervoro ĉiuj partoprenantoj estis loĝigitaj. En Genève la karavano estis varme akceptita de la reprezentantoj de U. E. A. kaj post gaja manĝo forveturis al Avignon, kie ĝin atendis plej bela akcepto. De Avignon ĝis Barcelono, nenio grava. La Kongresa Komitato estis sendita al Port-Bou Esp. helpantojn por helpi la Kongresanojn en la doganaj formalaĵoj.

El Londono, S-roj Blaise kaj Parker kondukis du karavanojn tra Parizo, kiuj ankaŭ estis tre bone akceptitaj.

Ni krom tio citu la fakton, ke en kelkaj urboj, speciale en Lyon, niaj Del. zorgis pri akcepto al la trapasantoj ĉe ĉiuj vagonaroj. Al ĉiuj gastigantoj ni esprimas nian plej koran dankon.

**La Kongresanoj alvenas ; ilia nombro**

Je ĉiu vagonaro alvenas aroj de samideanoj, atendataj de gastemaj Barcelonanoj ĉe la stacidomo. La hotel-fiakroj forportas ilin al loĝejoj pretigataj de la Loka Komitato kaj pri kiuj estis tute kontentaj la la plej granda parto de la Kongresanoj. Kelkaj ja plendas, ke ili devis resti plurajn horojn en Port-Bou pro nesufiĉeco de vagonoj, sed malgravaj estas tiuj plendetoj, kiam ĉiu sentas sin denove en Esperantujo kaj premas la manon de samideano renkontita en antaŭa kongreso aŭ pri kiu oni sciis per liaj korespondaĵoj. En la akceptejo, ĉio zumas kaj bruas. Oni diras, ke estas 1.500 kongresanoj. Malgraŭ tio ke kelkaj timis veturi Barcelonon pro la tieaj okazintaĵoj — timo ne pravigita — tiu nombro superas la nombron atingitan de la antaŭaj kongresoj. Do, se tio ne estus jam banala, la kvina estas plena sukceso en tiu rilato, kiel en aliaj...

**La malferma kunveno**

Sub la kutima aplaŭdado, Dro Zamenhof kaj la estraro supreniras la estradon de la plena ĉambrego. Dro Mybs, prez. de la IVa Kongreso, malfermas la Kongreson kaj proponas la jenan estraron : Prez. Sro Pujula y Valles ; Vicprez. S-roj Perogordo kaj Sabadell ; sek. Sro Chavet. Sino Pujula ; kiu estas aplaŭde akceptata. Sro Pujula dankas pro la honoro kaj deziras plej koran bonvenon al la ĉeestantoj.

Dro Zamenhof, salutata per senfinaj aklamoj, faras mallongan paroladon por saluti la Kongresanojn kaj danki la urbon Barcelonon pro la akcepto

Oni bedaŭras, ke nia majstro ne elparolis idean paroladon kiel en la antaŭaj kongresoj, sed, feliĉe, li tian poste faris ĉe la kunveno de U. E. A.

Sro Chavet, komunikas, ke tri regnoj oficiale reprezentiĝis en la kongreso, nome Belgujo (Sro Van der Biest), Usono (Sro Reed), Norvegujo (la reprezentanto ne povis ĉeesti).

Sro Layret, en la nomo de urbo Barcelono, salutas la eksterlandajn Esperantistojn kaj bedaŭras, ke li ne povas paroli per Esperanto.

Poste venis la vico de la naciaj delegitoj elektitaj en la naciaj kunvenoj. Tiujn paroladojn, ĉiujn en flua stilo ni komprenêble ne povas eĉ resumi. Ĉiuj paroladistoj alportas la salutojn de siaj samlandeanoj al nia majstro kaj donas la ĝojigajn rezultatojn de la Esp. propagando en sia lando. Jen la nomoj de la paroladintoj : Van der Biest (Flandra Belgujo), Kubiĉef (Bohemujo), Keating (Brazilujo), Mudie (Britujo), Edward (Gibraltar), Wilson (Skotlando), Henrichsen (Danujo), Frenkel (Finlando), Parker (Irlando), Richardson (Belgujo franclingva), Decourt (Francujo), Perigordo (Hispanujo), Allende (vaska lingvo), Braga (Asturia), Aguilar (Valencia), Bramon (Kataluna), Arnhold (Germanujo), Vermaas (Holando), de Marich (Hungarujo), Tellini (Italujo), Albinana (Argentino), Grabowski (Polujo), Dro Ostrovski (Rusujo), Ciklari (Kaŭkazo), Dro Stamatiades (Samoso), Privat (Svisujo), Carrère (Koŝinĥinujo), Guéron (Turkujo), Baker (Usono).

Multaj telegramoj el ĉiulandaj grupoj, eĉ el Shangaï, estas legataj kaj aplaŭdataj. Tiu malferma kunveno finiĝis per ĥorkantado de la Espero kaj triobla « Vivu » al Dro Zamenhof.

**Unua agada Kunveno**

Posttagmeze okazis 1a agada kunveno. Parolis Sro reprezentanto de Bosnio, Sro Richardson pri propagando, Sro reprezentanto de la Komerca societo de Francujo, Sro Mann pri propagando kaj singardemeco en la poresperanta agado, Sro Blaise pri ĉekbanko, Sro Th. Cart pri ĉefeĉaj ŝlosiloj, Sro Allende pri propagando en naciaj gazetoj esprimante la deziron, ke la esp. naciaj gazetoj estu redaktataj Esperante, Sro Privat, male, konsideras, ke la Esp. naciaj gazetoj devas esti nacie redaktataj, krom la kroniko pri progresoj de Esp. en la lando, por ke la fremduloj povu ekscii pri ĝi. Sro Diemer proponas, ke ĉiu kongresano surhavu krom la insigno flageton de sia nacio — kio elvokas kelkajn respondojn.

**La Plezuroj**

Dimanĉon kaj lundon okazis en Romea teatro du sukcesaj koncertoj, en kiuj partoprenis diverslandaj samideanoj. La teatro estis plenega kaj grandega la varmeco, kiu tamen ne venkis la kuraĝon de niaj samideanoj.

**La dua agada kunveno ; La demando pri reprezentantaro**

Grava ĝi estis. Ĝi okazis ĵaŭdon en la Universato. Multaj ĉeestantoj. S-ro Beck parolas pri la gazetaro kaj montras, ke ĉiuj Esperantistoj havas la devon ĝin subteni ; li proponas deziresprimon laŭ tiu direkto.

S-ro G. Chavet, sekr. de centra oficejo, malfermas la serion de paroladoj pri ĝenerala reprezentantaro de la Esperantistoj. Li anoncas, ke li ricevis diversflanke proponojn, kiuj iel celas solvi la demandon pri ĝenerala organizo de la Esperantistoj ; tio montras la necesecon de tia nova organo. Tial por kontentigi tiujn dezirojn, la Centra Oficejo ellaboris proponon, laŭ kiu la naciaj societoj elektus delegitojn proporcie al sia multnombreco ; tiu reprezentantaro prizorgus la financan subtenon de la Akademio kaj Lingva Komitato kaj aliparte rajtus paroli en la nomo de la Esperantistaro kiam estas necese, speciale en klopodoj al la registaroj. S-ro Chavet penas per ekzemploj montri la nunan neceson de tiu administra reprezentantaro kaj difini ĝian karakteron.

S-ro Bobin diras, ke oni ne povas nun decidi pri tia projekto kies tekston neniu antaŭe legis. Li rememorigas, ke ĝenerala reprezentado de la Esperantistoj estis jam rifuzita en Boulogne kaj oni ĝin denove prezentas al diskuto. Li timas, ke tiu reprezentantaro arogos al si rajtojn, kiujn ĝi ne havas kaj povus ekzemple komenci traktadon kun ia Delegacio. Li proponas, ke oni resendu la demandon al la proksima Kongreso.

S-ro Boirac protestas kontraŭ tiuj asertoj kaj deklaras, ke la Lingva Komitato kaj Akademio restos ĉiam fidelaj kaj neniam eĉ intencos retrakti kun ne plu ekzistanta Delegacio (aplaŭdoj).

Li klarigas, ke la reprezentantaro tute ne havos rolon lingvan, sed antaŭ ĉio devos trovi rimedojn por finance subteni la lingvajn aŭtoritatojn kaj ebligi al ili plue labori.

S-ro Blaise parolas kontraŭ la projekto. Por ĝenerala propagando sufiĉas la naciaj societoj. La Esperantistoj nek bezonas, nek volas estrojn. Cetere estas neeble reprezenti la Esperantistaron, ĉar multaj Esp-istoj apartenas al nenia societo kaj aliparte la societoj, kiuj ne havus sufiĉan membronombron, ne estus reprezentataj. Por havi monon sufiĉas sin turni al la naciaj societoj ; la parolanto havas la certecon, ke tiu projekto estus tre danĝera kaj nur celus enkatenigi la Esp-istojn.

S-ro Chavet respondas kelkajn kontraŭparolojn. La Centra Oficejo estis ĝis nun privata ; nur reprezentantaro povos ĝin oficialigi. Nur per ĝi oni povos havi ĝustan dokumentaron, recenzii la nombron de la grupoj, k. a.

S-ro Mann, kontraŭparolante, faras kelkajn demandojn. Li insistas pri la necesеco precizigi neklarajn punktojn kaj plene difini la rolon de la reprezentantaro. Li opinias, ke por la klopodoj al la registaro sufiĉas la naciaj societoj. Li proponas ankaŭ prokrasti tiun projekton.

S-ro Decourt parolas por reprezentantaro, kiu povos doni pli da aŭtoritateco en niaj klopodoj, speciale ĉe la registaroj.

S-ro Mybs esprimas favoran opinion pri la projekto.

S-ao Pujula, favore parolas pri la reprezentantaro, dirante ke sen ĝi la oficialaj institucioj ne havas rajtigon.

S-ro Duviard diras, ke ĉiuj francaj junaj Esp-istoj aprobas la projekton, per kiu nia movado povos fari ankoraŭ pli grandajn progresojn.

S-ro Boirac denove respondas al la kontraŭparolintoj. Oni atakas la projekton, sed neniu proponas kiel oni donos financan subtenon al la oficialaj institucioj, nek montras alian vojon.

S-ro Privat respondas al S-ro Boirac, ke la kritiko ne signifas malfidon. Oni povas iafoje ne interkonsenti pri detalaj punktoj sed ĉiuj konsentos por esprimi dankon al la personoj, kiuj malavare subtenis niajn instituciojn, speciale al Glo Sebert (aplaŭdoj). Estus ne bone, se one decidus tian demandon nur per malgranda plimulto kaj iuj forirus el la Kongreso kun malkontenteco. Ni provu trovi interkonsenton. Preskaŭ ĉiuj opinias, ke la oficialaj institucioj bezonas financan subtenon ; ni do ĝin donu kaj la reprezentantaro zorgu pri tio. sed ĝi havu nenian alian rolon. Ni ne lasu nin ligi per trorapida decido. Kial la projekto enhavas ion kaŝitan ? Pri la propagando la reprezentantaro nenion utilas, ĉar por tio ekzistas societoj, nek por la klopodoj registaraj, kiuj, faritaj de internacia institucio, povus iafoje esti tre danĝeraj. S-ro P. proponas do ke oni limigu la rolon de la reprezentantaro nur al financa kontrolado de la oficialaj institucioj, kaj forlasu ĉion alian. (Aplaŭdoj).

Ŝ-ro Cart, salutata per longa aklamado, miras, ke oni ne antaŭpresigis tiun projekton kaj ke tial estas neeble ĝin serioze diskuti. La lingvaj institucioj ja bezonas monon, sed por havi bazon de diskutado necesas prezenti projekton de buĝeto.

La ĝenerala opinio, komence egalparte dividata, videble inkliniĝas al la propono de S-ro Privat, t. e. starigi ian reprezentantaron de la ekzistantaj naciaj societoj por zorgi pri la financaj rimedoj de la Akademio kaj L. K., kaj limigi ĝian rolon, ekskluzive al tio.

S-ro Chavet diras, ke oni presigos tekston, kiu espereble kontentigos ambaŭ partiojn kaj estos poste diskutata.

Tiu kunveno tre interesa el lingva vidpunkto, faris tre bonan impreson. Ĉiuj diversnaciaj oratoroj flue paroladis kaj laŭ la ordo kaj seriozeco de la diskutoj, oni povus sin kredi en vera parlamento, tute internacia.

**La Floraj ludoj ; la « Mistero de l'Doloro » ; La Balo**

Merkredon, okazis en la borso la ceremonio de la Floraj ludoj, kiu ricevis plenan sukceson. Ĉeestis la urbestraro kaj grandega ĉeestantaro. S-ro C. Bourlet atentigis pri la grava signifo de la floraj ludoj por la evolucio de nia lingvo, kiu povos vivi nur se ĝi havas riĉan literaturon, kiu rebrilos tuthomajn ideajn movadojn. Poste komencas la disdono de la premioj. S-ino M. Hankel ricevis la 1an premion de la Konkurso pri Amo kaj estos reĝino de l'festo ; Ŝ-ro Privat la duan. La sukcesintoj de la Konkurso legas siajn versaĵojn kun granda aplaŭdado. S-ro Artigues poste vokas la nomojn de la sukcesintoj en pli ol 40 konkursoj. S-roj Bicknell kaj Boucon estas ofte alvokataj. Ĉiuj kompreneble ricevas aplaŭdegon. La nomo de la laŭreatoj aperos en proksima No. Tiu bela ceremonio estis certe grava sukceso.

Ne malpli granda sukceso estis la teatra prezentado de l'*Mistero de l'Doloro*. La teatro estis plena. S-ro Bourlet komence legis interesan antaŭparolon de la aŭtoro Gual. Poste sekvis la teatraĵo bonege ludita de profesiaj aktoroj. Perfekta estis tiel la parolado kiel la ludado. La teatraĵo, per sia simpleco kaj realismo, faris grandan impreŝon. Je la fino, aklamoj kaj florjetoj rekompencis la aŭtoron kaj artistojn.

Fine, ni citu inter aliaj distraĵoj la promenadon al monto Tibidado, de kie oni ĝuas mirindan vidaĵon al Barcelono, kaj belaspektan balon, ĉe kiu partoprenis niaj ĉarmaj kongresaninoj.

**La lastaj kunvenoj**

En la unua, S-ro Boirac, prez. de la Akademio, legis interesan raporton pri la agado de la Akademio kaj de la Lingva Komitato, kiu ricevis ĝeneralan aprobon. Tiu raporto aperos en la Oficiala Gazeto. Glo Sebert raportas pri la demando koncernanta la venontan kongreson. Laŭ deziro esprimata la lastan jaron, la sesa Kongreso okazos en *Usono* (aplaŭdoj) kaj la sepa, en 1911, en Antverpeno. La urbo elektota estos tre verŝajne *Washington*. S-roj Reed kaj Van der Biest siavice alvokas la Esp-istojn al la Kongresoj de 1910 kaj 1911. Por la postvenontaj Kongresoj oni ricevis invitojn el Graz, Wien, Praha, Krakow, ktp. ; la Kongreso ne decidas.

En la dua kunveno, estis solvita la demando traktita ĵaŭdon. La jena teksto prezentita de S-ro Privat estis unuanime akceptita, post favoraj rekomendoj de S-roj Cart kaj de Marich :

« La kvina Kongreso de Esperanto esprimas la deziron, ke la diverslandaj societoj por la propagando de Esp., kreu per proporcia balotado, Internacian Konsilantaron, por zorgi pri la financaj rimedoj de niaj oficialaj institucioj (Lingva Komitato kaj konstanta komitato de la Kongresoj).

« En tiun konsilantaron, oni elektos Ianon por mil anoj de propagandaj societoj. »

La projektita reprezentantaro de la Espistoj do ne estis akceptita. Ĝi estis anstataŭita de internacia konsilantaro, kiu havas la ŝolan taskon zorgi pri la financaj rimedoj de la Akademio kaj L. K.

Por fini la Kongreson, S-ro Bourlet kaj D-ro Zamenhof korege dankas la organizantojn pro ilia bela akcepto kaj ĝojas pri la rezultatoj atingitaj. S-ro Pujulà deziras bonan revenon al la ĉeestantoj kaj eksonas « La Espero » dum malrapide deiras la Kongresanoj al sia hejmo, al nova agado...

**Ĉi tie kaj tie**

Multaj aferoj devus esti citataj ankoraŭ : la honorvino, kiun afable proponis la urbestraro al la Kongresanoj. la mirinda ekskurso al Montserrat. la ekskurso al Valencio, kie atendis la Kongresanojn bona akcepto. Ni pri ĉi tio reparolos.

Kiel kutime multaj specialfakaj kunvenoj okazis : juristoj, kuracistoj, farmaciistoj, fervojistoj, vegetaranoj, katolikoj, k. t. p. Ĉe la kunveno de la *Scienca Asocio* Sro de Saussure legis bonegan raporton. Sro Huntington, el Harvard Universitato, estis elektita prezidanto. Oni difinis du komisiojn por la teknikaj vortaroj. Ĉiuj tiuj kunvenoj montris la progresojn de la specialaj aplikaĵoj de Esperanto.

# LA KUNVENOJ DE U. E. A.

**La Solena kunveno**

Ĝi havis grandegan sukceson. La belega Paraninfo de l'Universitato estis tiel plena, ke multaj ĉeestantoj devis stari. Je la 10a horo, supreniras la estradon la komitato, la Altaj Konsilantoj kaj Dro Zamenhof, akceptitaj per longa aplaŭdo. Sro Mudie, prezidanto, malfermas la kunvenon per parolado, kiu ricevas ĝeneralan aplaŭdon. Ni publikigos ĝian tekston en la proksima no.

Sro H. Hodler, vicprezidanto kaj administra komitatano, legas la jaran raporton pri la agado de U. E. A. dum la lasta jaro kaj ĝia programo estonta. Tiun raporton, atente aŭskultitan, ofte interrompis aplaŭdoj, speciale la lokojn, kiuj insistis pri la socia karaktero de U. E. A. Pro troa materialo ni aperigos tiun raporton nur en nia proksima no.

Dro Zamenhof, honora prezidanto, poste eldiras la belegan paroladon, kies tekston (poste restarigitan) niaj legantoj trovos sur la unua paĝo de tiu gazeto. Tiu parolado, kiu tiel klare montras la rolon de nia Asocio rilate al Esperantismo kaj ĝian grandan signifon, faris profundan impreson al la ĉeestantaro kaj, tion diri estas superflue, estis ricevita de senfina aklamado.

Meze de la kunveno, Sro Mudie anoncas, ke li ricevis por la kongreso saluttelegramon de la reĝo de Hispanujo (aplaŭdoj).

Sro Rousseau legas la raporton pri la financa stato de nia Asocio.

La prezidanto poste anoncas la nomojn de la laŭreatoj de niaj konkursoj, kies nomoj sekvas :

*Konkurso Esperanto : Pri la plej bona gvidfolio :* 1a premio : *Bohema Unio Esperantista* (por gvidlibro de Praha).

*Konkurson Warden : Pri la plej bona komerca raporto :* 1a premio ex-aequo : Sro Baff, subdel. en Worçester ; Sro Vogler, Del. en Hamburg, honora mencio : Sro Bünemann, subdel. en Patras.

*Konkurso pri la plej bone aranĝita Esperanto-Oficejo :* 1a premio, *Esp.-Oficejo de Lyon* (Sino Farges). — 2a premio, *Esp.-Oficejo de Le Creusot.*

*Konkurso Warnier : Pri la plej bona ideo por disvastigi U. E. A. kaj pligrandigi ĝian utilecon :* 1a premio : Sro S. Sosnovski, el Kiew.

Tiu plensukcesa kunveno montris la grandan paŝon efektivigitan de nia Asocio kaj la favoran akcepton, kiun ĝi renkontas ĉe la Esperantistaro.

**La labora kunveno**

Pro manko de loko ni aperigos la protokolon de tiu kunveno nur en la proksima no. Ĝi plene sukcesis kaj el ĝi rezultis utila interŝanĝo de ideoj pri diversaj punktoj. La ŝanĝoproponoj en la regularo estis akceptitaj kaj akceptitaj la deziresprimoj pri la kotizaĵo. Oficiala Bulteno tuj aperos kaj konigos la rezultatojn de tiu kunveno.

**La Instituto de Esperanto**

Post la Kunveno de U. E. A. okazis solena Kunveno de la Internacia Instituto de Esperanto, dum kiu paroladis Dro Zamenhof kaj So Edmond Privat, kiu faris mirindan paroladon pri la vivo de nia lingvo. Pro la granda graveco de ambaŭ paroladoj ni preferas atendi ĝis la proksima No por doni detalan raporton pri ili.

# JUNULA FAKO

Por utiligi U. E. A. al la junaj Esperantianoj kaj plifaciligi internacian komunikiĝon inter ili, ESPERANTO, kun la helpo de la Fako Junuloj de U. E. A., decidis komenci la jenan novan servon, kiun niaj Konsuloj por Junuloj bonvolu konigi kaj uzigi.

Ni *senpage* enpresos unufoje la nomon kaj adreson de ; a) la gejunuloj kiuj deziras korespondi per leteroj aŭ poŝtkartoj kun alilandaj Esperantianoj ; b) de la gejunuloj, kiuj deziras vojaĝi eksterlanden dum libertempo ; c) de la gejunuloj, kiuj deziras restadi libertempe en eksterlandaj familioj ; d) de la gejunuloj, kiuj dezirus trovi oficon ; e) de la Esperantistaj familioj, kiuj akceptus fremdan junulon aŭ junulinon dum libertempo por ellernado de enlanda lingvo, kondiĉe ke :

1o Tiuj junuloj estu membroj de U. E. A. ;

3o Ili firme promesu respondi, almenaŭ unufoje, ĉiujn korespondaĵojn, kiujn ili ricevos de Esperantianoj ;

3o Iliaj nomoj kaj adresoj estu komunikataj al ni per la Konsulo por Junuloj aŭ Konsulino de ilia loko, aŭ, se ne estas, per la Del. aŭ Subdel.

Ĉiuj petoj, kiuj ne konformiĝas al tiuj kondiĉoj, ne estos enpresataj. La Konsulo por Junuloj ricevos tiom da ekzempleroj kiom estas da petintoj en lia loko. Li estas petata ĉiufoje afiŝi tiun rubrikon ĉe la Esp-Oficejo de sia loko kaj traduki nacilingven la petojn kiuj povas interesi la neesp. publikon.



# REKLAMO

*Sekve de la pligrandiĝo de nia formato, la tarifo de la reklamoj estis fiksita jene :*

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Unu paĝo* | $ 240 | *1/8 kolono* | $ 5 |
| *Unu kolono* | 40 | *1/16* — | 2.50 |
| *1/2* — | 20 | *1/24* — | 1.75 |
| *1/4* — | 10 | | |

*Rabato da 25 o/o por 12 reklamoj ; 50 o/o por 24 reklamoj. Nenia alia rabato aŭ prezo konsentata.*

Sin turni al la *Administrejo*, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo) aŭ al la *ĝeneralaj agentoj :* G. Warnier, 15, rue Montmartre, *Paris ;* Presejo de Esperanto, 15, rue Amiral-Roussin, *Dijon* (Francujo) ; C et G. Browne, Wellington St., Strand, *London* (Anglujo) ; Germana Esperanto-Librejo, Rathausstr, *Leipzig* (Germanujo) ; Traduka Oficejo, 6 Schleinitzstr, *Bromberg* (Germanujo) ; Librejo Saĥarof, Tverskaja 29, *Moskvo* (Rusujo).



# ANONCETOJ

**TARIFO**

Korespondado. — *Unu enskribiĝo $ 0.30 (fr. 0.75). Rabato da 25 % por 6 enpresoj, kaj 50 % pour 12 enpresoj.* — PI = *poŝtkartoj ilustritaj ;* L = *leteroj ;* PM = *poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas unu senpagan enpreson.*

Petoj & proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio (40 literoj : $ 0.10 (fr. 0.25). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas unu trilinian anoncelon.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

**Korespondado**

Parc St-Maur (Francujo). — Sno Vanderrielle, 56, rue du Petit-Bois, PI.

Biarritz (Francujo). — Sro J. Cantan, rue Olivier, 21. PI.

Pecka (Bohem., Aŭstrio). — Sro L. Vonka, N. 189. PI. (Tuj respondos.)

Milvaukee (Wis., Usono). — Sro S. W. Chamberlin, 416 East Water St.

Lippstadt (Germannjo). — Sro J. Sommer, 14 Klosterst. PI.

Aidin (Azia Turkujo). — Sro Saadia Lévy, 2. (Kun lernantoj en metiaj lernejoj).

Taragona (Hispanujo). — Sro V. Gracia Moreal, pastro.

Aidin (Azia Turkujo). — Fino Ismet Hanoum, filino de Sro Moustafa, sekr. de Tiĝaret-Makiénemesi. PI.

Montargis (Loiret, Francujo). — Sro Desbrosses. P. M. (ne kun françoj, aŭstro-hungaroj, kaj svedoj).

**Petoj kaj Proponoj**

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Studento.** — Esp. organo de studentoj aperonta en septembro 1909 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Jarabono 1 $ (pagita antaŭ 1 sept. nur 0.75 $). Adreso : *Praha*, 516, K. Kuthan.

**Bonvenantoj en Munĥeno !** — La Munĥena Esperantista grupo konatigas, ke ĝiaj regulaj vesperkunvenoj okazas ĉiusemajne ĉiun lundon en la hela restoracio « Altes Hackerbraŭhaus », Sendlingerstrato N 75, kuŝanta en la centro de la ĉefurbo. Vizitoj de Esperantistoj ĉiam estas *treege* dezirataj.

**Papilioj.** — Sro F. Deimann (Enggasse 10, Kœln a/Rh, Germanujo) deziras korespondi pri papilioj.

# IXa LISTO de ESPERANTIANOJ

*kiuj pagis por 1909*

KRAKOW (43.8). — D. S. Rudnicki — 17. S-roj Krajewki ; 18. A. Bochenska ; 19. A. Ptaszkowna ; 20. T. Skibniewski ; 21. F-ino A. Daczko ; 22. S-roj M. Demetrykiewiz ; 23. Z. Mordawski.
*Hodiaŭa sumo ;* 7 . . . . . *Tuta sumo ;* 23.

DEBRECZEN (49.91). — D. R. Rajczy. — 1. S-roj l. de Bulyovszky ; 2. F. Peter.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 3.

LE MANS (44.17.1). — D. A. Autin. — 1. S-ro A. Autin ; 2. F-inoj V. Bajard ; 3. E. Bamas ; 4. S. Benois ; 5. S-ro Chaignon ; 6. S-ino Chaumier ; 7. F-ino Colombanié ; 8. S-ino Debray ; 9. S-roj Flogny ; 10. Hotel ; 11. S-ino Lannay ; 12. F-ino M. Leballeur : 13. S-roj Lebatteux ; 14. Legrand ; 15. Lepeltier ; 16. F-inoj Lhuissier ; 17. S-roj E. Lhuissier ; 18. Monnoyer ; 1h. Neuville ; 20. Plot ; 21. Agis.
*Hodiaŭa sumo :* 8. . . . . . *Tuta sumo* : 17.

LE CREUSOT (44.332). — D. P. Dejean. — 3. S-roj B. Dubard ; 4. G. Forien ; 5. L. Bajaud ; 9. L. Rocaut ; 10. P. Meunier ; 13 F. Faivre ; 19. E. Decouches ; 25. L. Seguenot.
*Hodiaŭ sumo : 8.* . . . . . . *Tuta sumo* : 18.

BOURG (44.44). — D.-Cl. Chevrot. — 1. S-ro C. Chevrot ; 2. F-inoj A. Venin ; 3. M. Ganeval : 4. S-roj J. Debost ; 5. Rocchini ; 6. G. Boyer ; 7. R. Evrard.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 7.

LOCHES. (44 51.1). — S. D. A. Brissonnet. — 1. S-roj A. Brissonnet ; 2. P. Vigneras.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 2.

GRENOBLE (44.99.2). — D.-A. Ploussou. — 15. S-roj D-ro J. Offner ; 15. Moutier ; 16. Carrier ; 17. F-inoj Albert ; 18. Pelissard ; 19. S-ino Cottel ; 20. S-ro Cottel ; 21. F-ino Blanc.
*Hodiaŭa sumo* : 8. . . . . . *Tuta sumo* : 21.

COMO (45.22). — S. D. C. Monti. — 3. S-roj P. Padulli ; 2. R. Padulli ; 5. P. Rosa.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 3.

CÉRONO (46.71.31). — S. D. F. Lusilla. — 1. S-roj I. Domenech ; 2, M. Canony ; 3. H. Daulmau ; 4. E. Daulmau ; 5. J. Bois.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 5.

ALICANTE (46.73.3). — D.-M. de Elizaicin. — S-roj M. de Elizaicin ; 2. M.-G. Ramos ; 3. J.-R.-O. Portillo ; 4. R.-C. Eyris ; 5. F-inoj J.-A. Wellado ; 6. E.G, Polo ; 7. A.-V. Gomez ; 8. M.-S.-D. Camoo ; 9. C.-B. Pévez de Vargas.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 9.

CARTAGENE (45.73.3). — D. D. Talens-Rodriguez. — 1. S-roj A. Carbonnel ; 2. V. Gener ; 3. J. Yranzo ; 4. A. Canut ; 5. M. Talens ; 6. C. Arbonat ; 7. A. Zaragoza ; 8. J. Ryo ; 9. J. Monsenet ; 10. Talens Rodriguez.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 10.

CORDOBA (46.813). — S. D. L. P. Linarès. — 1. S-ro Linarès.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 1.

EVORA (46.95.1). — S. D. G. M. Sarmento. — 1. S-roj R. D. Souser ; 2. A. V. Gumes ; 3. M. Pirès ; 4. E. R. Lopes ; 5. J. Ferreire ; 6. A. F. Costa Lobo ; 7. J. A. Barbosa ; 8. J. da C. Henriquez ; 9. L. A. d'Oliviera ; 10. A. Synarte ; 11 A. D. de Lousa Netto ; 12. L. A. G. M. Sarmento.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 12.

VORONEJ (47.3). — D. A. N. Vasiljev. — 3. S-roj A. N. Vasiljev ; 2. P. F. Krasnoborodkin ; 1. J. P. Veselovskij ; 3. F. D. Ivonnov ; 4. A. P. Fermikova ; 5. A. A. Romanov ; 6. V. N. Zamjatim ; 7. J. F. Alisov ; 8. J. M. Kozamevskij ; 9. A. P. Paŝovicin.
. . . . . . . . . . . . . . . *Tuta sumo* : 10.

VARSOVIO (47.51). — D. W. Robin. — 46. F-ino M. Szefer ; 5. S-ino F. Essigman ; 8. D-ro L. Zamenhof ; 47. S-roj W. Hivszowski ; 28. L. Perski ; 48, P. Muszkatblat ; 30. B, Mucha ; 36. J. Alberski ; 49. J. Syrakomla-Syrokomska ; 50. K, Meunier ; 51. R. Slowikowki ; 52. D. Borenstein ; 27. J. Krenicki ; 31. B. Weintal ; 33. C. Créchanow ; 54. Z. Kossowski ; 2. A. Grabowski ; 32. J. Dobryszycki ; 7. M. Czerwinski ; 55. J. Kepinski ; 56. A. Naumann ; 49. J. Mikulshi ; 40. S-ino H. Mikulska ; 57. J. J. Türk ; 58. F-inoj Türk ; 6. F. Lotto.
*Hodiaŭa sumo* : 26. . . . *Tuta sumo* : 153.
(Daŭrigota).

# VOJAĜA STIPENDIO

**Junulo ricevas 80 $ por fari rondvojaĝon per Esperanto kaj U. E. A.**

La Federacio de la Esperantistoj grupoj Burgoniaj organizis konkurson por vojaĝstipendio, kies premio (80 $) estis donacita de U. E. A. Inter la kandidatoj tri junuloj estis precipe rimarkindaj. Fine la juĝantaro elektis Sro Chevrot, de la grupo de Bourg (Ain), Subdel. de U. E. A. Niajn gratulojn al la sukcesinto.

La vojaĝonto trapasos la jenajn urbojn : Bourg, Genève, Lausanne, Bern, Basel, Colmar, Strassburg, Karlsruhe, Stuttgart, Friedrichshafen, Zürich, Luzern, Meggen, Como, Milano, Genovo, Torino, Lyon, Bourg, de la 15 septembro ĝis 5 oktobro. Ni ne bezonas atentigi niajn Del. & Subdel. pri la graveco de tiu vojaĝo kaj la utilo, kiun al la vojaĝanto devas, dank'al ilia akcepto liveri U. E. A.

**Ofico.** — S-ro A. Rosenkranz (Giselastr. 25, Bielitz, Silezio, Aŭstrio) deziras oficon kiel kalkulisto, korespondisto kaj kasisto; li estas 26-jara, parolas kaj skribas pole, germane, ruse, izraelide kaj esperante. Multaj atestoj.

**Novaj Gazetoj.** — Ĉiu eldonanto de nova Esp-ito jurnalo (eĉ de kluba jurnaleto) estas urĝe petata sendi ekzempleron aŭ almenaŭ informon. Se iu bonkora Esper-isto havas malnovajn Esp-jurnalojn, kiujn li ne plu bezonas, mi tre danke ricevus ilin donace. S-ro H. Bailey, 31, Caversham Rd, Kentish Town London, Anglujo.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago; belega vidajo; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso: F-ino A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Ofico.** — S-ro P. K. Geier (Herrengasse 7, Graz, Aŭtrio), Del. de U. E. A. 23 jara, studinto, gvindanto de la Esp.-Oficejo en Graz, serĉas oficon en iu oficejo, ankaŭ eksterlande. Li estas sperta en la germana lingvo kaj ankaŭ posedas ateston pri kapableco por Esperanto. Oni sin turnu al li.

**Ĥemiisto-Eperantiano** serĉas laboron Preferinde ekster Eŭropo. Parolas Esp, Ruse, iom France, Adr.: Ĥemiisto, Red « Esperanto », Bovy-Lysberg 8, Genève.

**Korespondantaj.** — Studentoj de granda lernejo serĉas Esp. Korespondantojn en Rusujo, Rumanujo, Italujo, Hispanujo, Hindujo, Shangai kaj Japanujo pri Komerco, Literaturo, Religio, Politiko, k. c. *Respondu al « Esperanto », Queen's Rd, Eng. School L. C. C. Dalston. London. N. E.*

## Komercaj reklamoj

### TRA LA FILATELIO

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare: En Francujo 2 fr. 10, 0,80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fize, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Kovilo** sekigantaj « Perfekta » je varma aero kaj aŭtomata reguligilo; maksimuma produktado, lastaj perfektigoj; Katalogo ricevebla de J. Pascarel. Tours (Francujo).

**Oni aĉetas** diversajn neanglajn produktajojn por revendi; ankaŭ riprezentado de alilandaj firmoj, kiuj dez. ion vendi per aŭkcia vendo aŭ alimaniere en Granda Britujo. Bonegaj referencoj. Sin turni al Esp. Konsulejo, 21, W. Schurbberg, Bristol, Anglujo.

**Manpurigilo por ĉiu lavejo** (Esperantia entrepreno). — Ĉiu homo perdas de unu minuto ĝis unu horo ĉiutage, se oni ĝin ne posedas.

Inter eminentaj Esperantistaj skribas pri ĝi Dro Pierre Corret, Versailles, Sekr. de Lingvo Internacia:

« Tre koran dankon. Estimata Samideano, por via afabla alsendo de ŝtono « Pura-Mano », kies bonegan efikon mi persone spertis k. c. »

Unu peco, 30 Sd., afrankite. Pogrande grandan rabaton.

Niles Winberg. Bengtsfors, Svedujo.

**Antaŭ ol** akiri domojn, dometojn, kampardomojn kaj ĉiuspecajn bienojn en Italujo, skribu al samideano *Luigi Scarselli*, via dell' Agnolo 48, Firenze (Italujo). Li akceptas ankaŭ *riprezentadon* de ĉiaj komercajoj.

**Esperanto-Hotelo.** — Ĉambroj tre komfortaj, malaltaj prezoj. S-ro A. Leclerc, 40, R. La Rochefoucauld, Paris. (Apud stacidomo St-Lazare).

**Riprezentado.** — Londona Agento, hav. oficejon, dez. riprez. alilandan firmon (ne alkohol). Bonaj referencoj. — « The Ronda Agency », 87, Finsbury Pavement, London E. C.

**Belaj kravatoj verdstelumitaj**, el atlaso por sinjoroj, kvin malsimilaj modeloj, de 0.50 ĝis 0.80 $.

**Esperantaj rubandoj**, N° 70, el blanka atlaso kun verdaj steloj, por skarpoj, kravatoj, kaj ĉapeloj de sam-inoj; la metro: 0,70 $.

**Esperantaj flagetoj**, bonegaj propagandiloj, dekdu: 1,20 $.
Ĉe S-ro B. PEYRAUD,
*41, rue de la Loire,*
**Saint-Étienne** (Francujo).

**Piedŝvito.** — Nepra kuracilo, sendanĝera por la sano. Brissonnet, apotekisto, en Loches (L. & E. Francujo). Poŝtmandata prezo: Francujo, 1 $., alilando, 1,20 $.

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Silkaj esperantajoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustratan prezaron.

**Muziko.** — S-ro A. Besnard, muzikeldonisto, 26, rue Antoinette, Paris, liveras ĉiujn ajn muzikajojn, el ĉiuj landoj, laŭ plej profitaj prezoj.

## I. Kongreso de Boĥemaj Esperantistoj

arangata de
CENTRA ASOCIO DE BOĤEMAJ ESPERANTISTOJ
BOHEMA UNIO ESPERANTISTA
(B. U. E.)
**OKAZOS EN PRAHA**
**26, 27, 28, IX 1909**

Fremdlandaj samideanoj revenantaj el kongreso Barcelona ne forgesu viziti nian kongreson. Ĉiuj kore invitataj.

Kongresa adreso: PRAHA-I-342. Esperanto-Kafejo-Union.

## Grandaj Vinoj el Burgonjo

## MOREAU-VOILLOT

BEAUNE (Côte-d'Or-Francujo)

Firmo fondita en 1876, daŭrigita de patro al filo

**Honorindaj makleristoj estus akceptataj**

**Oni petu la prezaron esperantan**

**Granda Marko**
**" Ville de Paris "**

## INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

## Jules MIETTE

102, Rue Amelot, PARIS-XI

## Germana Esperanto-Librejo

Kœnigstrasse 19 **LEIPZIG** Kœnigstrasse 19

**LIVERAS**

*ĉiujn Esperantajojn, la plej belajn, vere arĝentajn Esperantistajn signojn* KUN LA ENSKRIBO " *ESPERANTO* "

kiel pinglo, broĉo kaj butono, po $ 0.30
kiel manumbutonoj, po $ 0.75
*la multe ŝatatan kaj utilegan*

**Jakosorbilon ESPERANTO sen sorba papero**
po unu . . . . . . . . . $ 0.65
sendkostoj (eksterlande) . . . $ 0.25

**Sigelmarkojn artefaritajn**
po 50 ekz. . . . . . . . . $ 0.25
po 100 ekz. . . . . . . . . $ 0.35
Afrankite

**HAVIGAS**

ĉiujn librojn, jurnalojn, muzikajojn k. t. p. Esperantistajn kaj diversnaciajn

**PERAS**

anoncojn ĉiaspecajn por ĉiuj germanaj gazetoj k. t. p. (tradukoj senpage)

**ESTAS LA DEBITEJO DE " ESPERANTO "**
(Oficiala Organo de U. E. A.)
**Por Germanlando**
POSTULU PREZARON

## JUVELEJO CARNAVALET

**M. DUFAUX, 30, rue de Sévigné**
**PARIS** — *Métro St-Paul*

Ornamitaj porcelanoj kaj fajencoj, Sèvres kaj speco Sèvres. Antikva kaj moderna, por donacoj, edziĝoj, k. a.
Oni korespondas Esperante.

## Rejna Esperanto-Kolonio

**BAD-GODESBERG**

Ŝatata refreŝiĝejo sur la maldekstra bordo de la Rejno, unu horon sude de Kœln, kontraŭ la « Sep Montoj ».

*Perfekta Esperanto-organizacio*: 2 Oficejoj de U. E. A., konsuloj kaj konsulino, Esp.-pensionoj, magazenoj, policanoj, k. t. p. Tial *bonega restadejo* por Esperantistoj, haltejo por la *kongresanoj*.

La Esp. ilustr. gvidfolion aŭ specialajn informojn petu per ilustr. poŝtkarto de la KOMITATO POR REJNA ESPERANTO-KOLONIO

**Bad-Godesberg a. Rh. (Germanujo).**

## La Universala Ŝlosilo

**DE ĈEFEĈ**

**Ŝlosiloj.** 10 ekz. Fr. 0,50 — 100 ekz. Fr. 3,50.
**Tutoj.** 10 ekz. Fr. 1,00 — 100 ekz. Fr. 7,00.
**Anekdotaroj.** 1 ekz. Fr. 0,25 — 10 ekz. Fr. 2,00.
**Ŝlosilaro** (ĉiuj aperintaj ŝlosiloj en elegante bindita volumo) 1 ekz. Fr. 1,50.

Granda elekto de insignoj
Petu plenan prezaron ĉe
INTERNACIA PROPAGANDEJO ESPERANTISTA
**Merton Abbey, London, S. W.**

Ĉio estas ankaŭ havebla ĉe Esperanto-Oficejo kaj Librejo G. Warnier & K°, 15, rue Montmartre, Paris.

*Le gérant : DUVAL*
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

## " NOVAĴO "

*Grava afero por ĉiulanda militistaro !*

## PATENTSPRONO KUN FLEKSEBLA KOLO

Nenia falado malsuprenirante la ŝtuparojn.
Nenia dissirado de la botoj kaj de la pantalonoj.
Post ĉiu preno la spronkolo revenas en sian iaman originan situacion.
La eltrovajo estas patentigita ĉe ĉiuj kulturŝtatoj.
Eksterlandaj patentoj estas vendeblaj.
Reprezentantoj ĉiulande dezirataj.
Ilustr. prezaroj ĉien per la forsendejoj:
Adolf. Muth, Nürnberg, Lichtenhgestr. — Germanujo.
Ludwig Dollatscheck, München, Galeriestr. — Germanujo.
Hans Kriebel, Dresden, Gneisenaustr. — Germanujo.




## MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- Heilanstalt-Kuracejo por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals: ROTES KREUZ — antaŭe: RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro: Dr. BREIGER

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

aŭ ESPERANTIO

**Fondita la 28an de Aprilo 1908**

CELO: Plifaciligi la rilatojn inter diverslingvanoj kaj krei fortikan ligilon de solidareco inter siaj membroj. Por tio ĝi starigas diversajn internaciajn praktikajn servojn tuj uzeblajn de la personoj, kiuj partoprenas en la vivo internacia (Komerco & industrio, turismo, junuloj, informoj, k. a.)

ORGANIZO: En ĉiu regiono estas *Delegito* aŭ *Subdelegito*, kiuj reprezentas la komitaton, varbas membrojn kaj zorgas pri la funkciado de la servoj de la Asocio. Li laŭbezone estas helpata de diversfakaj *Konsuloj* (turismo, komerco, virinoj, junuloj, maristoj), kiuj havas la devon respondi pri sia fako ĉiujn informpetojn de Esperantianoj aŭ Esperantiaj entreprenoj. La *Komitato* estas balotata de la Delegitoj; la Delegitoj estas balotataj de la membroj.

SERVOJ: Senpaga liverado de informoj pri ĉiuj fakoj. — Helpado al vojaĝantoj. Helpado al junuloj, kiuj vojaĝas eksterlanden aŭ serĉas oficon aŭ deziras ellerni fremdajn lingvojn aŭ viziti alilandan universitaton, k. c. — Starigo de Esperanto-Oficejoj en ĉiu loko. — Reklamo kaj disdonado de reklamiloj. — Perado por reklamo kaj dungado. — Liverado de informoj komercaj kaj enketoj. — Juraj informoj. — Organizo de karavanoj kaj someraj libertempaj kolonioj. — Eldonado de gvidfolioj. — Instigo al eldonado de gvidlibroj. — Ekspozicioj. — Konkursoj, k. t. p., k. t. p.

ALIĜOJ: Ĉiu persono, kiu deziras aliĝi, informu pri tio la Delegiton aŭ Subdelegiton de sia loko (se estas nek Del., nek Subdel., li sin turnu al la sidejo de U. E. A.) kunsendante la jaran kotizajon **36 sd.** Interŝanĝe li ricevos membrokarton, kiu donos al li la rajton uzi ĉiujn servojn de U. E. A. — La grupoj, societoj, komercaj, firmoj, gazetoj, kontoroj, korporacioj, k. a., povas aliĝi kiel *Esperantiaj entreprenoj* (Kotizajo: **2 sm.**) kaj interŝanĝe rajtas uzi la specialajn servojn de U. E. A. starigitajn por ili. La grupoj, societoj, organizajoj, k. a., kies ĉiuj membroj estas samtempe membroj de U. E. A., estas *Esperantiaj Asocioj* kaj sengage ĝuas la rajtojn de la Esperantiaj Entreprenoj.

NUNA STATO: Je la 1a de Julio, U. E. A. kalkulis 85 Delegitojn, 110 Vicdelegitojn, 560 Subdelegitojn, 465 Konsulojn, 135 Esperanto-Oficejojn, en 700 lokoj kaj 44 landoj; ĝi havis 4500 membrojn, 68 Esperantiajn Entreprenojn kaj 10 Esperantiajn Asociojn.

**KOMITATO DE U. E. A.**

Dro L. L. ZAMENHOF, Honora Prezidanto.
H. BOLINGBROKE MUDIE, Prezidanto, London.
H. HODLER, Vicprezidanto *(Administrado)*, Genève).
TH. ROUSSEAU *(Financoj)*, Dijon.
A. CARLES *(Konsuloj)*, Béziers.
P. BLAISE *(Esperanto-Oficejoj)*, London.
J. SCHMID *(Turismo)*, Bern.
Dro M. KANDT *(Komerco & Industrio)*, Bromberg.
F. ROCKMANN *(Junuloj)*, Magdeburg.
Sidejo: **8, rue Bovy Lysberg, Genève** (Svisujo).

## Internacia Traduka Oficejo

Akceptas mendojn je tradukoj el la plej multaj naciaj lingvoj en Esperanton. Speciale: Tradukoj de **Katalogoj, Prezaroj** kaj ĉiuspecaj **Reklamoj**. Pago laŭ interkonsento. Turnu vin al: Bogalke & Mohwinkel. Internacia Traduka Oficejo, 6, Schleinitzstrasse, **Bromberg** (Germanujo).

### Liverantoj de Mustardo kaj Amelo al la Reĝo

Laŭ privilegio

## J. & J. COLMAN

(Akcia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO**

KAJ

**BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON*
*kaj CARROWWORKS, NORWICH* (Anglolando)

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 n-roj), afrankite 2 $.
Sin turni alla Administrejo (8, rue Bovy-Lysberg, Genève).
*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

## TOBLER'A

**bonega Svisa Lakta Ĉokolado**

## ESPERO

Kun Esperanto-Ĵurnalo ilustrita
*ĈIE AĈETEBLA*

## Renovigita! Plibonigita!

## ★ JAPANA ESPERANTISTO

日本エスペラント

**INTERNACIA ILLUSTRATA MONATA REVUO**

Oficiala organo de Japana Esperantista Asocio

SOLA KAJ UNUA ESPERANTA GAZETO EN LA EKSTREMA ORIENTO
LA PLEJ INTERESA, LA PLEJ ORIGINALA, LA PLEJ BONA PROPAGANDILO

Ĉiuj Esperantistoj, kiuj volas koni, la Japanon kaj Japanujon, la bela landon de l'Leviĝanta Suno, kaj kiuj volas scii pri la Ekstrema Oriento, nepre devas legi ĝin.

Gi baldaŭ faros tre interesan konkurson kun belaj premioj, al kiu tutmontaj abonintoj (nur abonintoj) povas partopreni.

**Jara abono, ŝanĝita de 1909 : 5 fr. (2 $)**
Nun abonante oni ricevos la plenan jarkolekton de 1909
*Por specimeno oni sendu respondkuponon*

Abonu rekte al « **Japana Esperantisto** », Marumouchi, TOKIO, Japanujo; aŭ ĉe Librejo de Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris, Francujo.

## OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo: 0,25 Sm.; 10 ekz. 2 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo: 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondajoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato de la 20 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj: 0,70 Sm.

*Oficialaj kovertoj.* Prezo, 100 ekz.: 0,40 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj.* Prezo, 100 ekz.: 0,70 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage ricevebla kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Oni povas mendi la gvidfoliojn aparte. Vidu la Oficialan Jarlibron.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz.: 0,20 Sm.; 50 ekz.: 1,50 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpage por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ:

*Universala Esperanto-Asocio.* Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre necesa por ĉiuj aktivaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana* kaj *itala.* Eldonoj angla, rusa kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda.* Prezo, 10 ekz.: 0,20 Sm; 50 ekz.: 0,80 Sm.; 100 ekz.: 1,50 Sm.

AVIZOJ: Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Esperantio**, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo), Tamen, naciilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj ĉe la jenaj adresoj:

Dro M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, 12, Casella Postale, *Bologna* (Itala).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj & Subdelegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras ricevi specimenon, aldonu 0,10 Sm.

## ĈASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Boĥemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de boĥemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** *(B. U. E.)*, kiu unuigas tiutempe *43 societojn*. Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto: artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Boĥemoj, bibliografio, adresaro de korespondantoj, k. t. p.

Jara abonpago: 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm.: Praha II, 2023, *Ed. Kühnl.* (Rabato por Societoj).

## Por la Higieno de l'tualeto

(lavajoj, higieno de l'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

**Oni nepre rekomendas**

COALTAR SAPONINE LEBEUF

BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, detersivaj kaj cikatrigaj propraĵoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitajojn*

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — PARIS

## ALLAINGUILLAUME, J. SALING & Cie

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ

**21, RUE DU MONTPARNASSE**

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialajo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj en la presejo de U. E. A. por la kompostado de ESPERANTO kaj de ĉiuj Esperantaj presajoj.

ROMANA — TIPOJ DIDOT — ITALIKA

ĉĝĥĵŝŭ — Korpo 7 — Bas de casse — ĉĝĥĵŝŭ
ĈĜĤĴŜŬ — Cefliteroj — ĈĜĤĴŜŬ
ĉĝĥĵŝŭ — Korpo 8 — Bas de casse — ĉĝĥĵŝŭ
ĈĜĤĴŜŬ — Cefliteroj — ĈĜĤĴŜŬ
ĉĝĥĵŝŭ — Korpo 9 — Bas de casse — ĉĝĥĵŝŭ
ĈĜĤĴŜŬ — Cefliteroj — ĈĜĤĴŜŬ
ĉĝĥĵŝŭ — Korpo 10 — Bas de casse — ĉĝĥĵŝŭ
ĈĜĤĴŜŬ — Cefliteroj — ĈĜĤĴŜŬ
$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $

EGIPTA KORPO 8 N° 406

ĉĝĥĵŝŭ • ĈĜĤĴŜŬ